Driemaandelijks tijdschrift. Afgiftekantoor: Antwerpen X.
ISSN 1013-2031
Jarkolekto 28 - trimonata
2/98

ILEI

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Organo de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj




**Redaktoro:**
Jozefo Németh

**Vicredaktoro:**
Katalin Smidéliusz

**Kunlaborantoj:**
Stefan MacGill,
Johano Kirsch,
Françoise Noireau,
Atilio Orellana Rojas,
Franz-Georg Rössler

## ENHAVO



## ESTRARO DE LA LIGO

**Prezidanto:** Prof. Duncan Charters, P.O.Box 148, Elsah, IL 62028-0148, Usono, tel. 1-618-374-2453, mesaĝoj 1-618-374-5252, fakso: 1-618-374-5465. Rete: charters@prin.edu. *Kunordigo, instruista trejnado.*

**Vicprezidanto**: Brunetto Casini, Casella Postale 213, IT-56100 Pisa, Italio tel. 39 50/48 670, fakso: 39 50/50 05 85. Rete: edistudio@sirius.pisa.it *Planado.*

**Sekretario:** Marija Beloŝeviĉ , Sveti Duh 130, HR-10000 Zagreb, Kroatio. Tel. (385 1) 37 45 052. Rete: mbelosev@public.srce.hr. *Landaj sekcioj, membro-varbado, rilatoj kun UEA kaj la movado, servoj al instruistoj.*

**Kasisto:** Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-242 94 Hörby. Tel. (46 415) 501 52. *Financo, konferencaj financoj. Membraro.*

**Vic-sekretario:** Prof. Zhang Danchen, North Area 14-dong, 34-hao, Huazhong Normal Univ., CN-430070 Wuhan, Ĉinio. Internet: zdchen@public.wh.hb.cn *Azia agado, ekzamenoj en Ĉinio kaj Azio.*

**Membro**: Mag. Atilio Orellana Rojas, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag. Tel. (31 70) 355 6677. Fakso: (31 70) 358 4422. *Konferencoj, ekzamenoj.*

**Membro**: Raymond Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende, Belgio, Tel. (32 59) 502708. *Eksteraj rilatoj.*

**Estrara komisiito:** Prof. Ronald J. Glossop, 8894 Berkay Ave., Jennings, MO 63136, Usono. Tel. (314) 869-2303. Rete: rglosso@siue.edu *Instruado de infanoj.*

**Estrara komisiito:** Zsuzsa Barcsay, Bem Rakpart 25/B, HU-1011 Budapest, Hungario. Tel. (36 1) 201-2342. *Gimnazio de ILEI.*

**Estrara komisiito:** Stefan MacGill, Fácán köz 9/2, HU-2030 Érd, Hungario. Tel. (36 23) 363-280. *Eldonado*

**Observanto** (UEA): Renée Triolle, 4 impasse des Charpentiers, FR-57100 Thionville, Francio

# ILEI-raporto 1997

*Ĉi tiu jarraporto entenas la agadon de ILEI dum la jaro 1997. Al la kompilado de la raporto kontribuis pluraj estraranoj kaj komisiitoj. Pri la raporto diskutis la Estraro dum sia marta kunsido en Prago kaj ĝi estos findiskutita kaj akceptita dum la Komitatkunsido en Montpellier, komence de aŭgusto.*

## Estraro kaj komisiitoj

**Estraro**

La Estraro kunsidis meze de januaro en Parizo kaj poste nekvorume dum la Konferenco. Dum la jaro ne okazis elekto en la Estraro pro necerteco pri la kvorumo en la aŭstralia komitatkunsido. Ĉiu estrarano laboris memstare kadre de sia labortereno kaj kaze de la neceso petis la opiniojn de la ceteraj.

**Komisiono pri lernejaj konkursoj**

La komisiono tre modele laboris dum la tuta jaro kaj daŭrigis la renomon de la konkursoj kiuj ĉiam vekas pli da intereso, sed bedaŭrinde mankas plia instigo al lernantoj fare de iliaj instruistoj. *[Vd. apartan raporton!]*

**Statuta komisiono**

La Statuta komisiono prilaboris la elekto-regularon pridiskutitan dum la estrarkunsido kaj akceptitan dum la komitatkunsido. Fine de la jaro, la komisiono liveris la proponon pri nova ILEI-statuto kaj interna regularo.

**Terminologio**

La gvidanto de la komisiono dissendis alvokon kiu magre rezultis. Tamen, plu daŭris interŝanĝo de opinioj plejparte kun ILEI-anoj kiuj en la enketilo menciis pretecon kunlabori ĉi-kampe.

**Didaktikaj ludoj**

La planita katalogo pri la ekzistantaj didaktikaj ludoj ne aperis. Ĝis la UK pretiĝos trarigardo de la ekzistantaj ludoj kaj la literaturo.

**Elekto-komisiono**

La komitato elektis novan konsiston de la tripersona komisiono. La anoj komencis agi per unua kunsido jam dum la Konferenco kaj poste daŭrigis rete.

**Eksteraj rilatoj**

Membroj de la komisiono dediĉis la atenton al la kunlaboro kun UNESKO, ekstermovadaj porinstruistaj organizoj, al informado al la ekstera mondo pri la Ligo, kaj diskonigo de la konkurso "Eŭropo en la lernejo".

## Sekcioj kaj membraro

Dum la lasta jaro la membro-nombro ne ŝanĝiĝis. ILEI havas 746 individuajn membrojn, kvar membroj mortis. Landaj sekcioj: 24. ILEI havas reprezentantojn en 27 landoj. Pro neaktivado aŭ malapero de la sekcioj kelkaj sekciestroj iĝis reprezentantoj.

Bedaŭrinde, kelkaj sekciestroj kaj reprezentantoj ne reagas al la cirkuleroj de la Ligo jam sufiĉe longe. Pro tio ILEI elpaŝis por ŝanĝi la situacion kaj se necese senŝarĝigi la nerespondecajn.

En tiu ĉi jaro ne okazis la konkurso "La plej aktiva landa sekcio".

**Honoraj membroj**

Laŭ la Komitatdecido honoraj membroj iĝis s-ino Charlotte Kohrs el Usono kaj s-ino Idyss Einihovici el Aŭstralio.

**Enketado**

Kolektado de informoj pri la membraro por la adresaro multe progresis. Pro anoncoj en diversaj gazetoj pluraj membroj petis la enketilon rekte de ILEI. Tamen kelkaj ne-respondemaj sekciestroj kaj reprezentantoj ne dissendis la enketilon al la membraro (iuj eĉ ne resendis la sian).

## Regiona agado

**Afriko**

La kontaktoj de ILEI koncentriĝis al Togolando kaj Malagasio, kies respondeculoj pri instruado regule kontaktas la Ligon. ILEI peris la kolektadon de vortaroj por E-istoj en Malagasio.

**Ameriko**

Kelkajn landojn vizitis la estrarano AOR. Li organizis kunsidojn kun lokaj membroj kaj konsilis pri plibonigo de la laboro kaj organizis ekzamenon.

**Azio**

La estrarano ZD daŭrigis agadon kontaktante la sekciojn kaj reprezentantojn en la kontinento. Okazis seminarioj kaj pluraj E-kursoj.

**Aŭstralio kaj Oceanio**

En Aŭstralio fondiĝis sekcio kun deko da membroj kiu daŭrigas la kunordigadon de E-instruado en la lando.

**Eŭropo**

Kiel dum la antaŭaj, ankaŭ ĉi-jare dum EEU en Stuttgart kunsidis ILEI-anoj.

Ĉefan atenton oni dediĉis al la kontribuo de ILEI al la Kampanjo 2000 kaj servoj al instruistoj. Dum la Kongreso ILEI starigis informbudon. Pri la kunsido estis informitaj kongresanoj pere de eta prezento dum la fermo de la kongreso.

**Servoj al instruistoj**
Surbaze de kolektitaj informoj pere de enketiloj, ILEI komencis peradon de kontaktoj inter samfakaj membroj kiuj petis tion. Ni esperu, ke la publikigo de la adresaro kun indekso helpos al plia interŝanĝo de la spertoj inter samfakuloj. La eldonaĵo "Juna Amiko" fine de la jaro publikigis enketilon pri lernejaj kursoj. Bedaŭrinde, reagis malmultaj. Fine de la jaro oni komencis prepari novan enketilon, per kiu oni deziras noti ĉiujn kursojn okazantajn en diversaj edukinstitucioj (infanĝardenoj, lernejoj, universitatoj). La listo estos ankaŭ rete atingebla.
La Ligo diskonigis petojn de la membraro pri diversaj edukprojektoj kaj helpis en la kolektado de la informoj por la fakprelegoj.

## Jarraporto pri la laboro de la ILEI-komisiono pri konkursoj

*(koncizigo de pli plena raporto farita al la Estraro)*

Ivan Bekavac-Basiĉ, sekciestro de ILEI en Kroatio akceptis la organizan laboron de la *Konkurso pri Modela Esperanta Parolo honore al Ivo Lapenna.* Malmultaj instruistoj mobilizas siajn lernantojn por ĝi; ni devus pli bone diskonigi ĝin kaj reformi ĝin se necese.
- Pri la *poentokolekta Internacia Konkurso honore al István Szerdahelyi*: malkreskas la nombro de lernejanoj, aliflanke, ĝojinde aktiviĝas plenkreskuloj. La konkurso konsistas el 7 turniroj. La redaktantoj- korektantoj apartenas al diversaj nacioj: Tatjana Auderskaja (Ukrainio), Raita Pyhälä (Finnlando), Monique Noël (Francio), Marija Beloŝeviĉ (Kroatio), Ernő Csiszár kaj Géza Kurucz (Hungario). La kontakto inter la konkursantoj kaj la Centro fariĝis bona: de 2-3 jaroj pluraj plenaĝuloj aktive laboras, iuj eĉ kontribuas per livero de donacetoj. Estas plezure sperti, kiel rapide kaj entuziasme progresas kelkaj konkursantoj.
En septembro la taskoj ekaperis sur propra hejmpaĝo en interreto, sed manko de sufiĉa faka mastrumado limigis ĝian funkciadon. La konkurson apogas la redakcioj de Eventoj kaj Radio Vieno. Ni kore dankas la redaktorojn, s-ro László Szilvási kaj Katinjo Fetes-Tosegi.
Du aliaj konkursoj organizataj en Hungario, tiu pri *Arta Traduko honore al K. Kalocsay* kaj la tradicia *Deklamkonkurso en Pápa*, gvidata de Jozefo Németh, paŭzos en 1998.

*Géza Kurucz, komisiito de ILEI pri lernejaj konkursoj*

## Instruista trejnado

De la komenco de la jaro ILEI komencis prepari la metodikan seminarion kiu okazos antaŭ la UK 98 en Grésillon. Kelkaj sekcioj prizorgis nacian trejnadon (Britio, Albanio, Ĉinio, Svedio, Pollando, Kroatio, Kubo, Hungario, Nederlando, Argentino). Pluraj ILEI-anoj kontribuis al konferenco okaze de 30-a jariĝo de E-fako ĉe ELTE. En la universitato de Poznan (Pollando) d-ino Koutny elpaŝis por fondi novan E-fakon.

## Konferenco kaj Gimnazio

La Konferenco okazis apud Geelong, Aŭstralio tuj post la UK kun 28 partoprenantoj el 15 landoj de 4 kontinentoj. La temo de la Konferenco estis "Multkultureco kaj lingvolernado". Ne okazis la Gimnazio. La konferenca rezolucio estis tradukita al deko da lingvoj.

## Raporto pri eldonado 1997

Dum 1997 aperis du novaj verkoj ĉe ILEI kunlabore kun aliaj institucioj aŭ unuopuloj:

**Struktura kaj Socilingvistika Esploro de Esperanto**, red. Ilona Koutny kaj Márta Kovács, memore al prof. István Szerdahelyi, Steleto kaj ILEI, Budapeŝto, 1997, 161 p. Resumoj de referaĵoj de konferenco okazigita sub la sama titolo en 1988. Dudeko da fakaj artikoloj, inkl. de 'Etimologio de gramatikaj elementoj en Esperanto' de la omaĝato. 15 NLG. La libro aperis en 300 ekz., el kiuj cent por ILEI, restas ĉ. 20.

**Tendaraj tagoj, dua kajero, dua eldono**, Stefan MacGill, ILEI/UEA/HJEA, Budapeŝto 1997. Ampleksigita de 52 al 72 paĝoj, kun nova materialo kaj ilustraĵoj de Pavel Rak, kun kvar-kolora presado kaj pli firma bindado. Instruista gvidilo aldonota. 15 NLG. Presita en mil ekz., el kiuj po 200 iris al UEA kaj HJEA (la hungara junularo).

La vendo-ritmo de la ekzistantaj libroj estis modesta tra la jaro. Rimarkeblas, ke la lanĉo de nova libro vigligas la vendadon de diversaj titoloj, ne nur de la nova. La Ligo havas plie modestajn stokojn de libroj interŝanĝe ricevitaj. La libro-stokoj kuŝas du-loke en Hungario, ni konkretigas planojn starigi stokejeton en nord-okcidenta Eŭropo.

Fine de 1996 ni havis proks. 2200 librojn kun stok-valoro de 313.000 HUF (tiam 15.000 SEK). Fine de 1997 temas pri 2600 libroj kaj 373.000 HUF (ĉ. 20.000 SEK!). Tio inkluzivas la tutan liveron de TT2, kiu fakte okazis tra la jarŝanĝa periodo.

*Stefan MacGill, komisiito pri eldonado*

## Pri la redaktado de IPR

Ĝis nun mi redaktis 13 numerojn de IPR kaj ĉiun fojon ni sukcesis fari la laboron ĝis la antaŭe anoncita limdato. La redaktofinoj: la 15-a de januaro, 15-a de aprilo, 31-a de aŭgusto kaj la 31-a de oktobro. (Kompreneble, pro la semajnfinoj tio povas modifiĝi iomete. Laŭ la peto de la Estraro estonte ni aperigos en IPR la limdatojn, ĝis kiuj ni povas akcepti novajn materialojn.)

La personoj, kiuj kontaktis min, asertas, ke la revuo estas bona, sed lastatempe publikaj reagoj preskaŭ ne venis. Amasaj reagoj venis nur post la artikoloj de Golden, Petik, Macioszek. Oni devus serioze pripensi, ĉu ne valorus de tempo al tempo veki la dormantojn per aperigo de "danĝeraj" artikoloj. (Kompreneble mi obeas la estraran decidon pri tiu temo.)

El inter la sekciestroj kaj reprezentantoj per sendo de materialoj helpas nian laboron: Bardhyl Selimi, Jennifer Bishop, Raita Pyhala, Maŭro La Torre, Ivan Bekavac-Basic, Hans ten Hagen, Bertil Andreasson, Radojica Petrovic, Maria Majerczak. La aliaj preskaŭ ne kontaktas min.

El la Estraro regule kontaktas min: Marija Belośeviĉ, Duncan Charters, Bertil Andreasson, Atilio Rojas kaj Stefan MacGill. Krome mi ricevadas materialojn ankaŭ de Renée Triolle kaj s-ino Barcsay Zsuzsa.
Ene de la redakcio plej multe helpis min Katalin Smidéliusz, Franz-Georg Rössler kaj Stefan MacGill. (La tri korektantoj.) Krome mi regule ricevas helpon de eksterulo, Blazio Vaha.

Regule venas plendoj el diversaj landoj, ke IPR alvenas tro malfrue. Mia peto al la Estraro, ke ĝi ekzamenu la distribuan sistemon de IPR, ja kiel ni aperigu anoncojn, alvokojn, aliĝilojn, se ni ne povas antaŭvidi la daton, kiam la revuo vere atingas la legantojn. Mi pensas, ke la mankoj de la distribuado estas unu el niaj plej grandaj problemoj.

*Jozefo Németh, redaktoro*

## Redaktora raporto pri Juna Amiko

*(koncizigo de pli plena raporto farita al la Estraro)*

La revuo havas 25 jarojn, ĝi verŝajne estas la plej longdaŭra, seninterrompe aperanta E-gazeto por infanoj. La aperritmo reprenis sian akuratecon, danke al harmonia kunlaboro de la redakcianoj. Grava atingaĵo estas tiu redakcio konsistanta el 21 kunlaborantoj, el 13 landoj (kvar kontinentoj). Ni serĉas redakcianon en Afriko.

Ni celas amuzi, eduki kaj aktivigi kursanojn kaj kursgvidantojn egale. Pro la lingva nivelo de la legantoj ni preferas mallongajn artikolojn en facila (ne primitiva!) lingvaĵo. La enhava vario de ĉiuj numeroj estis laŭdata de pluraj esperantistoj. La publikigota materialo estas kontrolata de kompetenta esperantisto, s-ro André Albault, prezidinto de nia Akademio; senriproĉa lingvaĵo gravas por gazeto, kiu intencas doni lingvan modelon.
En 1997 ni enkondukis novajn rubrikojn: Por kursgvidantoj, Medioprotektado kaj Komputiko.
La distribuantoj, s-ro Stefan MacGill, kaj s-rino Gyöngyi Mézes meritas laŭdojn pro la konsiderinda laboro. De 1998 ni havas novan presejon malpli kostan kaj pli atenteman, la estro estas ja bona esperantisto, iama lernanto de la nuna redaktoro. Pasintjare aperis du novaj periodaĵoj: *La krokodileto* (eldono de JAFE) kaj la *Komencanto* (ĝin redaktas kaj eldonas *Viktor Kudrjavcev*, Rusio). La unua celas infanojn ĝis 12-jarajn, la dua volas servi al ĉiuj aĝogrupoj. La redaktoro havas kontakton kun ambaŭ redaktoroj (*Komencanto* baldaŭ aperigos artikolon pri *Juna Amiko*).
La ekstera aspekto de Juna Amiko estas grava, necesas do baldaŭ elpaŝi kun plenkolora titolpaĝo – tio ne levos konsiderinde la preskostojn kaj plaĉa ekstera vesto certe levus la prestiĝon de Juna Amiko, tiel ke ĝi fariĝus bona reklamilo por la Internacia Lingvo, montrante ĝin ni ne bezonus honti apud imponaj, luksaj eldonaĵoj de mondaj lingvoj.
La redaktoro ĝojas, ke la transpreno de la redaktado ne kaŭzis ŝokon inter la legantoj, kaj renkontis ĝenerale pozitivajn reagojn; li konscias ke la nivelo estas altigebla kaj kun plezuro akceptas kritikojn kaj rimarkojn de la ILEI-membraro.

*Géza Kurucz, redaktoro*

## Juna amiko: Administra raporto 1997

Aperis akurate kvar 24-paĝaj numeroj en prizorgo de la nova redaktoro. La eldonkvanto altiĝis de 2000 al 2500 kaj poste al 3000, rezulte de nova kolektiva mendo por 800 ekz. de Brazila Esperanto-Ligo. Varbilo presita en 5000 ekz. distribuiĝis kun numeroj 97/3 kaj 97/4. La abonciferoj restas praktike tiel, kiel prezentitaj al la Konferenco en Ĝilongo; resume:

| | **1994** | **1995** | **1996** | **1997** | **1998 (ĝis apr)** |
|---|---|---|---|---|---|
| Plentarifaj | 451 | 500 | 630 | 420 | 333 |
| Rabat-tarife | 452 | 640 | 520 | 610 | 743 (396 de BR) |
| Kolektive | | | 800 | | |
| Pagitaj sume | 993 | 1140 | 1150 | 1830 | 1076 |
| Senditaj sume | 1260 | 1440 | 1450 | 2200 | 1376 |

Laŭlanda statistiko por 1997 kaj 1998 estos disdonata en Montpeliero. La revuo havas ret-adreson: *suli267@szeged.sulinet.hu* kaj hejmpaĝon: *http.//w3/datanet.*

*hu/~bjg/esperanto*. Novaj perantoj ekfunkciis en Estonio, Jugoslavio, Nov-Zelando, Rumanio, Sud-Afriko kaj Svislando kaj atendeble en Irano. Restas problemaj Bulgario, Pollando kaj Koreio. La revuo finis la jaron en financa ekvilibro kun enspezoj de 36.368:98 SEK kaj gajneto de 3.009:61 SEK – sekve ĝi ampleksas trionon de la tuta financa agado de la Ligo. Venis mendoj nek por reklamoj (spite la moderajn tarifojn), nek por aldoni propran informilon al abonantoj ricevantaj la gazeton ne-aere.

**Raporto 1998:** La unua numero aperis pli frue ol antaŭe, por ke la dua atingu nord-hemisferajn legantojn antaŭ la fino de la lerneja jaro. La revuo estas nun presata en esperantista presejo, prepare al transiro al plenkoloraj kovriloj sur kvalita papero. Tiel aperos numero 98/3 sinprezente, kune kun la varbilo por 1999. Tion pravigas la atendo de nuntempaj junuloj, ricevi grafike allogajn kolorplenajn revuojn, kaj krome la eksterproporcia kosto sendi la revuojn (kelkkaze afranko kostas trioble pli ol la revuo mem!). La abonoj ĝis 5 apr 98 atingis ĉ. 60 % de la esperata tuto: timeble la falo en plentarifaj abonoj rimarkita en 1997 daŭros. BEL, pro manko de laborfortoj, ŝanĝis sian kolektivan abonon por 800 al unuopaj abonoj (el kiuj 396 adresoj jam liveritaj). Tio grandigas nian laboron, tial nova krampita presita banderolo estis enkondukita por rapidigi la ekspedadon. Ni provas sendi iujn gazetojn ankaŭ al aliaj kontinentoj ne-aere.

---

***Peto al ricevantoj!!*** Bv. informi nin, se via ekzemplero de JA alvenas difektite: indiku kiumaniere ĝi estis pakita (ekz. resendu la koverton/ banderolon) Bv. informi nin ankaŭ pri la alventempo, kaj ĉu aere aŭ ne-aere sendita. Ni scias pri iuj landoj, kie la tempo-diferenco estas kutime sensignifa, sed ni volas pli kompletan bildon. Ambaŭkaze, vi rajtas respondi al la redakcia aŭ la administra adreso, kaj kompreneble, aldoni kontribuaĵon ni ne malpermesas!

---

**Planoj por 1999:** Konsentite, ke numero 99/1 estos speciale dika antologia numero celebre al la 25-jara historio de la revuo. Ĉiuj numeroj havos kolorajn kovrilojn. La abonprezoj - stabilaj dum tri jaroj - altiĝos inter 20 kaj 50%, tiel ke ĉiuj kategorioj kovru siajn realajn prepar- kaj liver-kostojn (kiu en 1998 jam ne plu okazas). La nova tarifaro aperos antaŭ la UK.
Restas sub diskuto kion fari pri la fakto, ke ni pagas cent gramojn da afranko por sendi 32-graman gazeton. Ideoj estas aldoni ĉiam pli da paĝoj, eldoni tri 32-paĝajn numerojn anstataŭ kvar 24-paĝajn, varbi kunsendaĵojn, trovi aliajn eksped-vojojn ol poŝto... Reagoj bonvenaj.

*Stefan MacGill, komisiito de ILEI pri eldonado*

## Eksteraj rilatoj

**UNESKO**

La eksteraj rilatoj de ILEI dum 1997 estis preskaŭ plene dediĉitaj al UNESKO. Okaze de la estrarkunsido en Parizo, la prezidanto de la Ligo akompanata de ILEI-reprezentanto vizitis la sidejon de UNESKO kaj pridiskutis la pozicion de la Ligo en la ŝanĝoj de la strukturo de UNESKO. Tamen, meze de la jaro alvenis sciigo ke post la reformoj de la kategoriaj membroj, ILEI perdis C-kategorion kaj de tiam la reprezentanto de la Ligo kunlaboras kadre de la UEA-teamo. Sed la fino de la jaro portis al ni ĝojigan informon, ĉar UNESKO donis al la Ligo la statuson de "operaciaj rilatoj".
Nome de ILEI, d-ro Bormann parte partoprenis la 5-an UNESKO-konferencon pri la edukado de plenkreskuloj julie en Hamburgo.

ILEI daŭrigis kolektadon de informoj pri naciaj lernolibroj kie oni trovas tekstojn pri E-o, homaranismo, internaciismo, planlingvoj.

**Porinstruistaj organizoj**

La estrarano pri eksteraj rilatoj denove alskribis porinstruistajn Eŭropajn organizojn sed sen reago. Iniciate de la Ligo oni petis informojn pri la EAIE konferenco en Barcelono, kie malgraŭ la preteco de la katalunaj kolegoj la Ligo ne povis prezentiĝi pro tro alta kotizo. EAIE fine de la jaro sendis informojn pri la Konferenco okazonta en Svedio dum la jaro '98.

**Eŭropo en lernejoj**

Danke al informoj pri tiu porlernejana konkurso, dum printempo en kelkaj landoj instruistoj atentigis pri la okazaĵo. Fine de la jaro estis dissendita informo pri la konkurso '98.

Kelkaj sekcioj sukcese reprezentiĝis ĉe naciaj lingvaj kaj similaj konferencoj kaj foiroj (Finnlando, Francio, Germanio, Kroatio).

## Movada agado

UEA

La rilatoj inter UEA kaj ILEI daŭre plifirmiĝis pere de reciproka informado kaj partopreno en komitat- kaj estrar-kunsidoj (per observantoj lastkaze).
Kadre de la programo de *Kampanjo 2000* oni taksis tre grava la rolon de la Ligo kaj pluraj membroj aktive partoprenas en ĝia preparo kaj realigado. ILEI adaptis sian trijaran planon al la strategia plano, kaj ĝi tuŝas plurajn erojn rilate al la Kampanjo. UEA daŭre ebligas al la Ligo dignan reprezentiĝon dum la UK.

**Fakorganizoj**

Daŭris la interŝanĝo de informoj kun kelkaj organizoj. Dum la jaro nur unu organizo (handikapitoj) uzis la proponon de kunlaboro kaj dum sia kongreso organizis ekzamensesion. Al la peto de ILEI pri la registriĝo de fakorganizoj afable respondis dudeko da organizoj.

**IEI**

La estraroj de ambaŭ organizoj komence de la jaro pridiskutis kaj akceptis kontrakton pri kunlaboro, kion konfirmis la Komitato de ILEI.

**Akademio de Esperanto**

La kontaktoj daŭris per la interŝanĝo de la informoj, perado de la demandilo pri E-institutoj, kaj laste per iniciato fari trarigardon pri la ekzamenoj tra la mondo. Ankoraŭ ne estas formita komuna komisiono kun la celo pritaksi lernolibrojn. Ni esperu, ke tio realiĝos post la elektoj en la Akademio.

**Kunlaboro kun diversaj edukaj iniciatoj**

Okaze de la UK, ILEI proponis al diversaj edukaj iniciatantoj kaj precipe pri diversaj servoj por lernantoj kolekti inform-materialojn kaj prezenti ilin ĉe la ILEI budo. Pozitive respondis deko el ili kaj ni esperas plifirmigi la kunlaboron dum la jaro 1998.

**TEJO**

ILEI elpaŝis kaj proponis al TEJO diskonigi la konkursojn, precipe por la bazlernejanoj.

**Fondumo Zamenhof**

ILEI daŭre membras en la Komitato de la Fondumo, kvankam dum la jaro la reprezentanto de la Ligo ne partoprenis la kunsidojn. Tamen oni sendis komentojn pri la ŝanĝo de la Statuto kaj protokolo. Daŭras la serĉado de taŭga persono, kiu loĝus en Pollando kaj povus pli aktive kontribui al la laboro de la Fondumo.

## Informado

**Kontaktoj kun E-gazetaro kaj E-elsendoj**

Regulaj informoj pri la agado aperas en tri internaciaj gazetoj (Esperanto, Eventoj, Heroldo) kaj pluraj naciaj. ILEI flegas bonajn kontaktojn kun la radio-elsendoj (speciale ARI kaj PR). La informoj pri la aktivado estas regule sendataj al ĉiuj radio-stacioj rete atingeblaj, al "Interredaktore" kaj al aliaj novaĵgrupoj.

**Reto**

Dum la jaro oni povis trovi plurajn informojn pri la Ligo en la reto. La reto ebligis pli rapidan interŝanĝon de informoj kaj cirkuleroj al la sekciestroj kaj reprezentantoj. Kelkaj sekcioj starigis siajn TTT-paĝojn kun informoj pri instruado nacilingve (Britio, Finnlando). Sian paĝon havas ankaŭ "Juna Amiko" kaj la konkursa komisiono kiu regule diskonigas novajn taksojn. Dum la jaro 97/98 la eblecon sendi la respondojn rete utiligis kelkaj konkursantoj. Estis preparita ILEI-retlisto de la Estraro, komisiitoj, sekciestroj kaj reprezentantoj. Prepariĝas ILEI-retadresaro kaj ILEI TTT-paĝo.

## Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA en 1997

Dum 1997 okazis 9 sesioj en 8 landoj (Albanio, Argentino, Aŭstralio, Britio, Ĉeĥio, Ĉinio, Ukrainio kaj Togolando) kun entute 47 kandidatoj el 12 landoj.

| **Urbo, lando, monato** | **kandidatoj** | | **lando** | **sukcesis** | |
|---|---|---|---|---|---|
| | *elemente* | *meze* | | *elemente* | *meze* |
| Tirana, AL, marto | 11 | 2 | AL | 7 | 2 |
| Wuhan, CN, junio | 2 | 2 | CN | 2 | 2 |
| Kiev, UA, julio | 1 | 2 | RU,UA | 1 | 2 |
| Adelaide, AU, julio | 3 | 3 | AU,FR,NP,US | 1 | 3 |
| Lara, AU, julio | - | 1 | AU | - | 1 |
| Barlaston, UK, aŭgusto | - | 1 | GB | - | 1 |
| Lomé, TG, aŭgusto | 10 | - | TG | 2 | - |
| Buenos Aires, AR, okt. | 5 | - | AR | 4 | - |
| Skovovy, CZ, novembro | - | 4 | CZ | - | 4 |
| **Sume:** | **32** | **15** | | **17** | **15** |

*Mag. Atilio Orellana Rojas, IEK-prezidanto*

## Internacia Ekzamena Komisiono

Okaze de la Universala Kongreso en Adelajdo (Aŭstralio) estis aprobata la konsisto de nova Internacia Ekzamena Komisiono (IEK): Bertil Andreasson, kasisto (Svedio), d-ro Duncan Charters, por Ameriko (Usono), prof. Zang Danchen (Ĉinio), prof. Paul Gubbins, por Eŭropo (Britio), Hans ten Hagen, sekretario (Nederlando), Gbeglo Koffi, por Afriko (Togolando), Atilio Orellana Rojas, prezidanto (Argentino).
Iom poste devis esti anstataŭigata prof. Zhang Danchen el Ĉinio pro rezigno kaj iliajn taskojn transprenis D-ro Paul Gubbins el Britio kiel vicprezidanto de IEK kaj D-ro Venkata Ranganayakulu el Bharato kiel reprezentanto por Azio.

## Listo de Internacie Rajtigita Ekzamenantaro (IRE)

ALANÍZ, S-ino Teresita Inéz, Argentino
ANDRADE ALVES Filho, S-ro Aristóphio, Brazilo
FONTES, S-ino Elvira, Brazilo
BOULTON, S-ino Marjorie, Britio
BOJAĜIEVA, S-ino Eva, Bulgario
MALOVEC, S-ro Miroslav, Ĉeĥa Respubliko
MRÁZ, S-ro Jaroslav, Ĉeĥa Respubliko
HAN, S-ro Zuwu, Ĉinio
HU, S-ro Guozhu, Ĉinio
LI, S-ro Weilun, Ĉinio
SHANG, S-ro Jun I, Ĉinio
ZHANG, S-ro Danchen Ĉinio
BABIN, S-ro Pierre, Francio
LAGRANGE, S-ro George Francio
MALEZIEUX-HUNNINCK, S-ino Marie, Francio
VINCENT, S-ino Jeannine, Francio
FIEDLER, S-ino Sabine, Germanio
MAUL, S-ro Stefan, Germanio
MacGILL, S-ro Stefan, Hungario
BAROSSNÉ-KÓRÓDY, S-ino Zsófia, Hungario
NÉMETH, S-ro József, Hungario
SMIDÉLIUSZ, S-ino Katalin, Hungario
SZILVÁSI, S-ro László, Hungario
CORSETTI, S-ro Renato, Italio
LORENZI, S-ino Carla de, Italio
SO, S-ro Gilsu, Koreio
BELOŜEVIĈ, F-ino Marija, Kroatio
FIDILALAO, S-ro Henriél, Madagaskaro
RAVELOSON, S-ro Eugéne, Madagaskaro
BERVELING, S-ro Gerrit, Nederlando
HAVEMAN, S-ro Roel, Nederlando
MOERBEEK, S-ro Rob, Nederlando
KOUTNY, S-ino Ilona, Pollando
MELNIKOV, S-ro Aleksandro, Ruslando
VILBORG, S-ro Ebbe, Svedio
GACOND, S-ro Claude, Svisio
GROSJEAN-ROBERT, S-ino Mireille, Svisio

AGBEMADON-ATTIOGBE, S-ro Mensah Biova, Togolando
SAGBADJELOU, S-ro Kokou, Togolando
COOL, S-ro James, Usono
GOODALL, S-ro Grant, Usono
SHLYAFER, S-ro Aleksandr Z., Usono

En la supra listo mankas multaj landoj. IEK, la Internacia Ekzamena Komisiono, strebas al plimultigo de ekzamenantoj. Prefere en ĉiu lando, kie regule okazas renkontiĝoj, kongresoj, konferencoj, estu kelkaj ekzamenantoj, kiuj povas kaj pretas ekzameni dum organizotaj Internaciaj Ekzamenoj UEA/ILEI.

Se vi opinias vin kapabla por ekzameni, skribu al la sekretario de *IEK, Middenweg 587, NL-1704 BH Heerhugowaard, Nederlando.* Aldonu biografieton pri via Esperanto-vivo kaj foteton. Ni senpacience atendas plurajn aliĝojn!

*Hans ten Hagen, sekretario de IEK*

## Aliaj projektoj

**Novaj lerniloj**
ILEI subtenis la aperadon de novaj modernaj lerniloj precipe "Urso-kurso" de la Brita sekcio de ILEI kaj video-projekton "Pasporto al la mondo" el Usono ĉe kiu kunlaboras pluraj ILEI-anoj. Al la iniciantoj kaj gvidantoj de la projektoj oni donis eblecon prezentiĝi dum la kongresaj ILEI-kunsidoj, Tago de la Lernejo kaj dum la Konferenco.

**Infanoj en la mondo**
Bedaŭrinde la projekto ne realiĝis pro la malsano kaj posta morto de la iniciatinto.

**Interkultura edukado**
La unua ideo estis kolekti dekon da lernejoj surbaze de "Tendaraj Tagoj" en la kunlabor-rondeto kun la celo de internacia edukado aŭ pli simple interŝanĝo de informoj pri la landoj, vivmaniero, ks. Ankaŭ kelkaj aliaj grupoj kiuj ne uzas TT montris interesiĝon. La kunlaboro ekis komence de la jaro '98 en deko da landoj. Dum la venonta UK okazos ekspozicio pri la kunlaboro, i.a. la didaktika materialo produktita de la lernantoj mem. Ĉi tiu kunlaboro estos la bazo por la planata eksperimento kiu ekos dum la lernojaro 98/99.

*Kompilis: Marija Beloŝeviĉ, sekretario de ILEI*

## FINANCA RAPORTO DE ILEI POR LA JARO 1997

| Rimedoj | SEK | Kostoj | SEK |
|---|---|---|---|
| Membrokotizoj | 50.938:89 | IPR | 43.600:16 |
| Libroj | 1.494:23 | Afranko, telefono, fakso | 9.512:63 |
| Eldona agado | 263:77 | Estraraj kostoj | 11.930:12 |
| Subvencio UEA | 11.752:50 | Kopiado, materialo | 4.712:73 |
| Ekzamenoj | 1.095:34 | Koleghelpa konto* | 860:00 |
| Interezo | 1.225:11 | Faka kotizo | 1.175:25 |
| Koleghelpa kaso* | 860:36 | Bankkostoj | 990:00 |
| Donacoj | 840:70 | Oficejaj iloj | 2.733:50 |
| | | Konferenco 97 | 23.970:64 |
| | | UK 97 | 470:10 |
| Malgajno | 32.159:23 | Azia agado | 675:00 |
| | ***100.630:13*** | | ***100.630:13*** |

**ĉiuj sumoj estas netaj, escepte Koleghelpa konto*

| Aktivo | | Pasivo | |
|---|---|---|---|
| En kaso | 783:78 | Konferenco 98 | 1310:49 |
| Banko: SE | 25.572:93 | Koleghelpa konto | 5:94 |
| F&F | 15.187:87 | Kreditoroj: Fond. Szerd. | 919:39 |
| Poŝto | 5.189:75 | FEL | 36.955:97 |
| UEA, ilek-a | 14.947:53 | privatulo | 2.404:38 |
| Debitoroj: ĈEA | 596:32 | | |
| HEA | 4.099:98 | | |
| privatulo | 1.612:60 | | |
| alia | 11.664:04 | | |
| Librostoko | 20.000:00 | | |
| Nepagitaj fakturoj | 3.000:00 | | |
| Oficejaj ajoj | 4.000:00 | | |
| Filatelajoj | 1:00 | Propra kapitalo | 65.059:63 |
| | ***106.655:80*** | | ***106.655:80*** |

### Konferenco 1997

| | SEK | SEK |
|---|---|---|
| Antaŭpago 1996 | | 10.285:80 |
| Kotizoj | 46.130:47 | |
| Subvencio UEA | 10.285:80 | |
| Kostoj | | 70.101:11 |
| | ***56.416:27*** | ***80.386:91*** |

*Deficito: 23.970:64 SEK*

## Koleghelpa konto

| | |
|---|---|
| Saldo 1996.12.31 | 5:58 |
| Loterio (Lara) | 360:36 |
| Donacoj | 500:00 |
| Membrokotizoj | -860:00 |
| **Saldo 1997.12.31** | **5:94** |

## Fondaĵo Szerdahelyi

| | |
|---|---|
| Saldo 1996.12.31 | 13.730:89 |
| Stipendio | -3.972:81 |
| Interezo | 223:10 |
| **Saldo 1997.12.31** | **9.981:18** |

## Fonduso Erika Linz

| | |
|---|---|
| Saldo 1996.12.31 | 136.256:30* |
| Stipendioj | -6851:00 |
| Interezo | 6518:60 |
| ***Saldo 1997.12.31*** | ***135.923:90**** |

## Konferenca kaso Dazzini

| | |
|---|---|
| Donacoj | 840:70 |
| ***Saldo 1997.12.31*** | ***840:70*** |

** en la sumo obligacio je nominala valoro 40.000. Valoro de obligacio 1996.12.31: 46.800:00*

*** obligacio je nominala valoro 40.000; valoro 1997.12.31: 44.400:00*

# *Informoj pri la supraj fondaĵoj*

## Fondaĵo Szerdahelyi

Fondita de la Estraro en 1989 honore al profesoro doktoro István Szerdahelyi.
Celo: Doni eblecon realigi diversajn projektojn kaj celojn kiel

- eldonado, sur ekonomia kaj profesia bazo, de diversspecaj pedagogiaj verkoj, i.a. internaciaj lernolibroj, korespondaj kaj perfektigaj kursoj, legolibroj, didaktikaj kaj metodologiaj verkoj
- produktado de son- kaj video-bendoj, de didaktika materialo
- edukado/trejnado de instruantoj kaj la perfektigo de profesiaj instruistoj
- fari sciencan esploradon
- partopreni en fakaj kolokvoj, kongresoj kaj konferencoj
- krei Centran Oficejon kun konstanta adreso

## Koleghelpa kaso

Celo: - Pere de mon-donacoj de individuaj membroj kaj sekcioj ebligi membrecon de gekolegoj el nepagipovaj landoj.

## Fonduso Erika Linz

Fondita en 1979 pere de mon-donaco de la Aŭstra sinjorino Erika Linz. Laŭ la statutoj, kreitaj de la donacinto, 20 % de la rentumo ĉiujare estu donata al la kapitalo, 80 % iru al stipendioj. Se neniu petas stipendion, la tuta rentumo iru al la kapitalo.

Celo: - Ebligi por gejunuloj de ĝeneralaj lernejoj partopreni en internaciaj E-aranĝoj: kiel ekz. en tendumoj, infankongresoj, gimnazioj ktp. La instruisto estu membro de ILEI kaj ankaŭ li/ŝi petu la stipendion ĉe la kasisto de ILEI, kiu havas la taskon disdoni la stipendiojn.

## Kongresa kaso Dazzini

Fondita en 1997 dum la ILEI-Konferenco en Lara, Aŭstralio, laŭ propono de itala ILEI-membro honore al doktoro Mario Dazzini kaj lia fratino doktorino Catina Dazzini.
Celo: - ebligi la partoprenon en ILEI-konferencoj de gekolegoj el nepagopovaj landoj.

***Donacoj por la kvar kasoj estas ĉiam bonvenaj!***

*Bertil Andreasson, kasisto de ILEI*

# ILEI-Estrarkunsido en Prago

La Estraro de ILEI nekvorume kunsidis en Prago (6-8 marto). La kunsidon ĉeestis Bertil Andreasson, Marija Beloŝeviĉ, Stefan MacGill (invitita prezidi), Atilio Orellana Rojas kaj kiel observanto de UEA, Renée Triolle. Pro tio, tie ĉi vi trovas nur koncizan prezenton de la kunsida diskuto. Oni pridiskutis la supre legeblan jarraporton de ILEI.
La estraranoj diskutis ankaŭ pri la financa raporto. Finan raporton la kasisto sendos al la sekciestroj kaj ĝi estos sendata ankaŭ al la komitatanoj por fina diskuto kaj akcepto dum la Komitatkunsido.
Estis decidite lanĉi kampanjon por nova fondaĵo por ilaro kaj elektronigado de la Ligo, kun proponata nomo Fondaĵo RetkonEKt.
La Estraro diskutis proponon pri nova statuto kaj interna regularo. La amendojn ĝi plusendos al la komisiono. Estas petataj la sekciestroj pridiskuti la proponitajn dokumentojn kaj kiel eble plej baldaŭ direkti al la komisiono siajn amendojn.
Oni informiĝis pri la stato de la ekzamensesioj dum la jaro '97 kaj la planoj por 1998 kaj ankaŭ pri la ŝanĝoj ene de la komisiono. Ĝojigas la informo, ke baldaŭ aperos la reviziita gvidlibro por la elementa kaj meza niveloj. La eldonanto: UEA.
Kadre de la eldonplanoj, oni bonvenigis la proponon de D. Charters pri la verkado/ kompilado de trivoluma eldonaĵo kiu servos kiel metodika helpilo al la instruantoj.
Kvaro da proponoj pri "Juna amiko" estis akceptataj. Novan "vestaĵon" ricevos tiu porlernejana gazeto. Ĝin baldaŭ akompanos nova kotizlisto.

**Pri IPR**: La estraranoj esprimis la deziron (kiu samtempe estas alvoko) aperigi pli da fakaj pedagogiaj artikoloj en la gazeto.

[*Tiun alvokon ni pludonas al ĉiuj legantoj, kunlaborantoj, samtempe petante ankaŭ la estraranojn, ke ili helpu nin akiri aŭ verki tiujn fakajn artikolojn. – NdlR*]

Dum la ĉi-jara UK en la ILEI-budo estos videbla simbolo de ILEI. Ĝi baldaŭ aperos sur ILEI-eldonaĵoj. [*Ankaŭ sur la nova kovrilpaĝo de IPR – NdlR*]

La rezulto de nereago aŭ malbona funkciado de kelkaj sekciestroj aŭ reprezentantoj videblas sur la kovrilpaĝo 3. La forviŝo de kelkaj landoj el la listo, ne signifas ke en tiuj landoj ILEI ne havas plu kontaktojn. ILEI daŭrigas kontaktojn kun aktivaj E-instruantoj en tiuj landoj kun la espero baldaŭ ne nur nomi la reprezentantojn, sed ankaŭ fondi modele funkciantajn sekciojn. Bona flanko de la listo estas, ke aldoniĝis novaj retadresoj, kio certe plibonigos kaj rapidigos la fluon de informoj.

La Estraro pretas al la Komitato proponi unu nomon por honora membro. Se intertempe aperos pliaj proponoj (limdato estis la 31-a de marto) la komitatanoj ricevos ilin. Laŭ la peto de kelkaj membroj, estu kompilata kompleta listo de ILEI-honoraj membroj disponebla ankaŭ rete.

La Estraro estis informata pri la preparoj por la ĉi-jara Konferenco. Pro troaj kostoj, oni rezignis pri la anticipa organizado de tuttaga ekskurso. Ekskurso tamen okazos en la regiono per loka transporto. La aliĝintoj al la Konferenco ricevos pli da informoj.
La Estraro diskutis pri la konferenclokoj por la venontaj jaroj. Laŭ la promesoj, jam dum la ĉi-jara Konferenco oni havos ne nur informon pri la loko, sed same la aliĝilon por la venontjara konferenco okazonta de la 07-13.08.99. Surbaze de detalaj informoj ricevitaj pri du eblecoj, la kunvenintoj decidiĝis favore al Karlovy Vary en la plej okcidenta parto de Ĉeĥio.
Al la seminario por instruistoj kiu okazos paske en Italio aliĝis deko da personoj. La seminarion kaj samtempan kurson por komencantoj gvidos S. MacGill. ILEI proponos sesion de la internaciaj ekzamenoj je la elementa kaj meza niveloj.
Dum la ĉi-jara UK ILEI starigos kutiman budon ĉe kiu la kongresanoj povos ricevi informojn pri la agado de ILEI, informiĝi pri diversaj servoj por instruantoj kaj konatiĝi kun ILEI-eldonaĵoj. La UK estos la ebleco prezenti novan koloran flugfolion de la Ligo. La kunsido de ILEI-anoj okazos dimanĉon posttagmeze kaj "Tago de la lernejo" merkredon. Pri tiuj, kaj aliaj edukaj aranĝoj dum la UK bv. konsulti la KL.

En la movada agado de ILEI sur la unua loko ekstariĝas la kontaktoj kun UEA. ILEI interesiĝas pri la daŭrigo de kunlaboro ankaŭ kun la Akademio de Esperanto kaj esperas baldaŭ realigi la proponon: fondi la komunan komisionon pritaksi E-lernolibrojn kaj aliajn helpilojn.
ILEI volonte starigos pli proksimajn rilatojn kun aliaj fakorganizoj, precipe kun tiuj kiuj okupiĝas pri edukado. La estraranoj taksis grava la kunlaboron kun TEJO interŝanĝante la informojn pri diversaj aranĝoj, konkursoj, ks. por junuloj.
Sur la kampo de la ekstermovada agado, sur la unua loko daŭre restas UNESKO kaj denova alpaŝo al porinstruistaj regionaj organizoj, precipe kolekto de informoj pri diversaj internaciaj porinstruistaj aranĝoj pri kiuj interesiĝus ILEI-anoj.
Al la Strategia plano de ILEI (vd. IPR 3/97), kiu samtempe estas agadplano de ILEI kadre de la Kampanjo 2000, estis aldonataj la kunordigantoj kaj plenumperiodoj. Estos diskonigitaj detaligoj de unuopaj punktoj post ilia prilaboro faritaj de la kunordigantoj.

Laste kaj tre grave por la funkciado de la Ligo kaj ĝia "ekstera" prezento, oni esperas je baldaŭa apero de ILEI-TTT-paĝo.

*Marija Beloŝeviĉ*

**INVITO**

Se vi planas partopreni la ĉi-jaran UK kaj vi jam nun antaŭvidas iom da libera tempo dum la kongresa semajno, ne hezitu kontakti la sekretarion de ILEI, kiu volonte akceptos vian memproponon por deĵorado ĉe la ILEI-budo. Ju pli da volontuloj, des pli bona prezento de la Ligo! Ne forgesu, ke ankaŭ la estraranoj kaj komisiitoj de ILEI pagis la kongreskotizon, kiel vi, por partopreni la UK. Por deĵorado ĉe la budo ili ne ricevas krompagon.
Estas dezirinde deĵori minimume unu horon dum la semajno.

*Marija Beloŝeviĉ*

---

**EL LA LANDOJ KAJ SEKCIOJ**

## Brazilo

Aperis la unuaj du numeroj de *Milde*, la oficiala organo de la Brazila ILEI-Sekcio. Ĝi estas kolore presita, A/5-formata, 8-paĝa bulteno. Pere de ĝi la redakcio celas diskonigi la proponojn kaj aktivecojn de ILEI, informi pri la brazila kaj tutmonda E-movado, kreskigi la ĝeneralan kulturon de la brazilaj instruistoj kaj agrable distri siajn legantojn.
La titolo devenas el la devizo de la redaktoro, *Elvira Fontes*:

**M**ilde kaj lante **I**nterligos ĝi **L**a esperantojn **D**e Brazilo **E**k al laboro!

*[Nia redakcio deziras multe da forto kaj sukceso al la kolegoj! – J. N.]*

## Bulgario

**Esperanto en teleteksto**

Decembre de 1997 la teleteksto de Sofia televido "Sedem dni" publikigis porkomencantan E-kurson el 12 lecionoj, preparitan de Mariana Evlogieva.
La kurso okupis preskaŭ 150 teletekstajn paĝojn kaj vekis konsiderindan intereson. Venis petoj, ke la kurso aperu denove, en pli konvena tempo - ja dum la antaŭjulfestaj tagoj oni ne estas tro lernemaj.
La teleteksto, kiu atingas pli ol 500 000 spektantojn, ankaŭ estonte pretas disponigi paĝojn por Esperanto. Ĉiaj ideoj kaj proponoj pri pliriĉigo de la E-paĝaro estas bonvenaj!
Adreso por korespondado: *M. Evlogieva, Druzba-2, PK-18, BG-1582 Sofio, Bulgario.* Rete: interpres@bis.bg

## Ĉeĥio

**Junulkurso en Prago**

Ĉeĥa Esperanto-Junularo organizas jam la 7-an Internacian Esperanto-Kursojn por Gejunuloj, inter la 15-25 de julio 1998 en Prago, Ĉeĥio.
Estos kursoj por-komencanta, paroliga, perfektiga kaj didaktika, ili finiĝas per internaciaj ekzamenoj de UEA/ILEI. Antaŭtagmeze okazos kursoj, posttagmeze kaj vespere distraj programeroj. Eblos ankaŭ tuttage ekskursi.
Interesiĝantoj kontaktu sian landan junularan organizon. Pliaj detaloj kaj aliĝoj: *Renata Beranova, Svatoplukova 43, CZ-78401 Červenka, Ĉeĥio.* Rete: cea@tnet.cz

## Ĉilio

250 gelernantoj inter 15 kaj 18 jaroj komencos lerni E-on en la Lernejo Claret, en la sudo de Ĉilio, urbo Temuco. La instruisto estos la hispano Javier García. Pri pliaj novaĵoj kaj sendado de lern-materialo, bv. kontaktu min. Oni dankegos vin, se vi sendos salutleterojn.

*Hector Campos, P.O.Box 231, Curico, Ĉilio. Rete:* strigo@ctcreuna.cl

## Finnlando

**El la agadraporto de Esperanto-Ligo de Finnlandaj Instruistoj**

La sekcio havis 34 membrojn, du mortis dum la jaro 1997. Nur tri membroj laboras kiel instruistoj en lernejoj. El ili du instruas E-on al gejunuloj. La kursoj estas nedevigaj. Unu havas 2 studentojn (aĝo ĉ. 17), en alia kurso 10 gelernantoj studas per la libro Tendaraj tagoj (36-hora kurso) kaj en la tria grupo studas ok knabinoj per diversaj tekstoj (12-hora kurso). Almenaŭ 7 ELFI-anoj gvidas vesperajn,

someran aŭ semajnfinajn kursojn por plenaĝuloj kaj pensiuloj. La lokaj E-kluboj organizas la instruadon, kaj estas pli malpli hazarde, ĉu la instruisto estas ELFI-ano aŭ ne.
Instituto por malĉeesta edukado daŭre proponas perleteran E-kurson, kiun gvidas la sekciestro. Partoprenis ĝin 4 studentoj en 1997. En la reto troveblas aliro al finnlingva E-kurso kaj prezentado de la lingvo kaj movado, de ELFI kaj de landaj E-Asocio kaj kluboj (danke al laborema ELFI-ano). [...]

*Informis: Raita Pyhälä*

**Somera Aventuro 29.06-03.07.1998**
La plej tradicia E-aranĝo en Finnlando somere fariĝos 30-jaraĝa. La jubilea kursosemajno SOMERA AVENTURO estos ekzotika kombinaĵo de la norda naturo kaj E-studado. [...] Ĉi-jare la komencantojn instruos Márta Kovács el Hungario kaj la progresintojn gvidos Joel Brozovsky - usonano loĝanta en Japanio La programo enhavas ekskursojn kaj komunajn vesperojn kun programo. La eksterlandaj instruistoj kaj la diverslandaj kursanoj garantias, ke la ĉefa lingvo estos E-o.

**Bonvenon sperti Someran Aventuron en Esperantio en Finnlando!**

Petu detalajn informojn de: *S-ino Seija Kettunen, Keihäsmiehenkatu 3, FI-40630 Jyväskylä, Finnlando, tel. +358 14 254 609*

*Informis: Matti Lahtinen, Jyväskylä, Finnlando* <matlah@sci.fi>

NdlR: Antaŭ *Somera Aventuro*, inter la 26-a kaj 28-a de junio okazos *Eduka Semajnfino* en Jyväskylä. Instruos Márta Kovács el Hungario. Informojn donas: *Sylvia Hämäläinen, Teivaalantie 85, FI-33400 Tampere. Tel: +3-346 3493.*

## Francio

**Internacia Esperanta Staĝo en PLOUEZEC (marbordo Bretonio).**
Kursoj por komencantoj kaj praktikantoj (po 4 horoj tage). Diversaj bretonaj kaj maraj aktivaĵoj per Esperanto.
*Datoj*: de la merkredo 12a de aŭgusto ĝis la 19a de aŭgusto 1998.
*Instruistino*: D-rino Katalin Smidéliusz, konata Cseh-metoda instruistino, profesorino en la universitato de Szombathely (Hungario).
Informoj ĉe *Roger Eon, Esperanto 22, 5, Kervilin Izelan FR-22470 Plouezec, Francio. Tel. kaj fakso: 33 02 96 22 77 17. Rete*: rogeon@club-internet.fr

## Hispanio (Katalunio)

**Nova eduksistemo faciligas la instruadon de Esperanto**
Jam de antaŭ kelkaj jaroj pograde aplikiĝas ĉe ni nova eduka leĝaro. Krom la

paca "invado" de mezlernejoj fare de etaj 12-jaruloj (antaŭe infanoj restis en elementa lernejo ĝis 14-jaraĝaj), unu el la plej signifaj ŝanĝoj de la nova sistemo estas la fakto, ke mezlernejanoj povas mem decidi pri la konsisto de signifa parto, proksimume kvarono, de siaj studhoroj per la elekto de t.n. "Variaj kreditoj". Ĉi tiuj ne estas "normalaj" devigaj studobjektoj kiel matematiko, gimnastiko, fremda lingvo (kutime la angla), k.s., kiujn ĉiuj geknaboj devas lerni dum pluraj sinsekvaj lernojaroj, sed nur tri-monataj, tre diversaj kursoj teoriaj aŭ praktikaj, kiujn lernejanoj elektas inter tiuj ofertitaj de sia lernejo. Post elekto, partopreno en la kurso estas deviga, kaj la lernantoj ekzameniĝas kaj ricevas noton.
La celo de tiuj mallongaj kursoj (entute 34-35 horoj) estas oferti al geknaboj la eblon iomete "gustumi" kiom eble plej multajn temojn por ke poste, jam 16-jaraĝaj kaj fininte sian devigan lernej-periodon, ili povu plej bone decidi kion fari plu.
Kvindek procentoj de la kursoj devige apartenas al tiuj proponitaj de edukaj instancoj, sed pri la aliaj decidas ĉiu lernejo mem. Kaj jen la okazo por entreprenemaj instruistoj e-istaj proponi al siaj kolegoj la oferton de E-kurseto en sia lernejo. Nenio malebligas ĝian starigon se la koncerna instruisto havas sufiĉan lernejan tempon (3 horojn semajne dum tri monatoj) por dediĉi al ĝi.
Sed ĝis nun, laŭ mia scio, neniu faris tion. Ĉu eble ne estas tiom da mezlernejaj e-istaj instruistoj, kiom ni kutime kredas? Ĉu ili timas primokadon de siaj kolegoj? Pri la kialo ni povas nur konjekti. Eble ili ne fidas je sia propra kapablo gvidi "seriozan" E-kurson en lernejo, des pli se ilia fako ne estas lingvoj.
Sed la okazo ja restas tie... bedaŭrinde preterlasata.

*Pedro M. Martín Burutxaga*
*Ctra. Estació 2 A-5-2, ES-17300 Blanes (Katalunio)*

**Fine de januaro 1998 okazis porinstruanta trejnseminario en Barcelono.**
KEA decidis okazigi A-gradan Cseh-seminarion por helpi al la instruemuloj kaj jam praktikantaj kursgvidantoj spertiĝi pri metodikaj kaj instruaj teknikoj. Llibert Puig la iniciinto de la seminario opiniis mallongan, intensivan trejnadon la plej taŭga (kaj solvebla) por tiu celo. En la impona, urbocentra Unesko-klubo de Barcelono, kie plenrajte gastas la loka grupo, kolektiĝis dekduo da entuziasmaj samideanoj kaj dum du longegaj semajnfinoj konatiĝis kun la elementoj de la fama Cseh-metodo; provis alproprigi la teknikerojn de la rektmetoda instruado, alfrontis gramatikajn provojn, ktp. kaj la lastan tagon instruante prezentis atestojn pri la novakiritaj kapabloj.
La aranĝo estis sukcesa ne nur pro la bonegaj provlecionoj, sed ankaŭ pro la bona etoso kaj lernemo de la partoprenintoj. Al la seminari-gvidanto donas ĉiam grandan energion bona, kunlaborema grupo, kiel okazis ankaŭ ĉi-foje en la kataluna ĉefurbo.

Krom la seminario estis organizitaj ankaŭ aliaj renkontiĝoj kaj mi gastinstruis dum du semajnoj en E-kursoj de la ĉefurbo kaj Sabadelo. La pozitivaj spertoj permesas al mi kredi, ke por solvi la problemojn, supre menciitajn de Pedro M. Martín (partopreninto en la seminario) iom helpis nia aktiva kunlaboro.

*Katalin Smidéliusz, gvidinto de la seminario*

# Hungario

**13-aj Pedagogiaj Tagoj + 6-a SOJLO**

La aranĝoj okazis inter la 28-a de februaro kaj 1-a de marto 1998 en Budapeŝto kaj ilin vizitis ĉ. 70 personoj. Jen la listo de la programeroj:

- Kurucz Géza: Bazaj postuloj al moderna lernolibro
- Gados László: Konoj pri EU en la E-studmaterialo
- Stefan MacGill: Efektivigo de lernolibro: nova eldono de Tendaraj Tagoj 2.
- Diskuto pri novaj lernolibroj por hungaraj lernejanoj
- Smidéliusz Katalin: Tipaj lingvaj eraroj de hungaroj en E-o
- Kurucz Géza: Esperantaj ekvivalentoj de la hungara "az"
- Kunveno de la hungara ILEI-Sekcio



*Sur la foto: grupo de hungaraj E-pedagogoj (meze la Red. de IPR)*

- Barcsay Zsuzsa: Kvalifikado de instruistoj, la E-instruado en Hungario
- Kurucz Géza: Konkursoj, Juna Amiko
- Regőczi Erzsébet: Ludo kun la publiko; Lászay Anna: Prezentado de kantoj
- Lannert – Kóródy: Dramludoj en la instruado de E-o
- Kereszthegyi Tivadar: Gimnastiki la menson, kiel fortigi la memorkapablon
- Juhász Magdolna: Ŝerco per cifero-vortoj
- Sárközi János: Lingvaj, gramatikaj artikoloj, diskutoj en Debrecena Bulteno
- Wacha Balázs: Demandoj por Verda Kastoro (luda minimum-ekzameno)
- Stefan MacGill: Kvizo pri fervojoj

La SOJLO-n gvidis Barossné Kóródy Zsófia kun helpo de pluraj konferencanoj.

*József Németh*

# Jugoslavio

**Intensaj kursoj en Jugoslavio**

En februaro 1998 komenciĝis du intensaj kursoj por komencantoj en Beograd kaj Ĉaĉak, kaj daŭriga kurso en Zaječar. En Beograda domo por lernantoj kurson gvidas Teresa Kapista laŭ Cseh-metodo, kombine kun vidbendaj lecionoj de "Mazi en Gondolando" kaj kun ja ĵus aperinta lernolibro de Boriŝa Miliĉeviĉ. Partoprenas 8 gelernantoj 15-18 jaraj kaj unu instruistino pri la angla lingvo. La kurso daŭros 6 semajnojn, 4-foje semajne po du horoj.

En Ĉaĉak Radojica Petroviĉ komencis kurson por dekdu gelernantoj laŭ rekta kaj situaci-komunika metodoj, kun la lernolibro de Boriŝa Miliĉeviĉ por ekspresaj kursoj. La kurso okazas en Domo de Kulturo, tri fojojn semajne po du instruhoroj.

E-Societo Zajeĉar organizis daŭrigan B-kurson por siaj vojaĝontoj al la SAT-kongreso en Odeso, julio 1998, kaj aliaj A-diplomitoj, entute dek. La kurso baziĝas sur la lernolibro de Ĵivko Ivanoviĉ "Intensa Kurso de Esperanto". La realigon subtenas E-Instituto Beograd per alternaj semajnofinaj vizitoj de Boriŝa Miliĉeviĉ kaj Radojica Petroviĉ. Ĵivko Ivanoviĉ ankaŭ ĉi-jare gvidas kurson en Gimnazio en Jagodina laŭ la propra lernolibro. La grupo planas vojaĝi al UK en Montpeliero.

**Respubliko Serba: Nova sesio de Somera E-Lernejo en Tesliĉ**

La dua sesio de Somera Esperanto-Lernejo Tesliĉ, kiun organizas Esperanto-Ligo de Serba Respubliko kunlabore kun Esperanto-Instituto Beograd, estas anoncita por 1998.07.10-19. Krom la komenca A kaj progresiga B kursoj, estas planataj apartaj seminarioj por instruistoj kaj tradukantoj, ankaŭ konsult-preparoj por la supera C kaj UEA/ILEI ekzamenoj. Ne mankos amuza programo: muzikaj kaj poeziaj vesperoj, kvizo, sportaj ludoj kaj uzado de kovrita baseno en la sama hotelo, kie la sesio okazos. Estas antaŭviditaj diversprezaj loĝeblecoj, pli variaj ol pasintjare.

*Radojica Petroviĉ,*
*Bul. oslobodjenja 36, YU-32000 Ĉaĉak. Tel +381 32 31338, <radp@emi.yu>*

## Nederlando

**Personaj ŝanĝoj ĉe IEI**

Gerard kaj Mila van der Horst-Kolinska ekde februaro ĉesis labori ĉe IEI (Internacia Esperanto-Instituto). Tio signifas, ke iliaj privataj retadresoj "espero@saluton.iaf.nl" kaj "106557.345@compuserve.com" ne plu estas uzeblaj por sendi mesaĝojn al IEI. Ili restas uzeblaj por kontakti ilin persone!
Adreso por estontaj kontaktoj: Mila kaj Gerard van der Horst-Kolinska Hengelolaan 1158, NL-2544 GT Den Haag, Nederlando. Telefono +31-70-3666547

*NdlR: Ekde februaro por IEI en Hago laboras estrarano de ILEI, Atilio Orellana Rojas el Argentino.*

## Rumanio

En novembro 1997 ne-esperanta eldonejo *(Editura Dokia, str. Padin 28/19, RO-3400 Cluj-Napoca, Rumanio)* aperigis mian libreton *Alti pasi in esperanto* (Aliaj paŝoj en Esperanto), kiel daŭrigon de *Primii pasi in esperanto* (La unuaj paŝoj en Esperanto), aperinta en 1993 ĉe Eldonejo Bero en Berkeley, Usono (pri ĝi aperis recenzeto en IPR). Ĝi enhavas, interalie, Rumanan-Esperantan vortareton (la unua havis Esperantan-Rumanan vortareton).
Samtempe, la sama eldonejo aperigis ankaŭ kolekton de Esperanto-dokumentoj (Documente esperanto), kiun mi tradukis kaj redaktis kune kun alia rumani-devena esperantisto en Kalifornio. Ambaŭ verketoj haveblas ĉe la eldonejo kaj baldaŭ haveblos ankaŭ ĉe UEA.

*Ionel Onet, P.O. Box 13492, Berkeley CA 94712 Usono,*
*tel: +510-849 2001, <ionel@esperanto-usa.org>*

## Svedio

**Informoj pri la E-kursoj en Karlskoga Popola Altlernejo**

Ekde 1988 ni jam instruis studantojn el 138 nacioj en niaj E-kursoj. Dum aŭtuno 1997 partoprenis ses nacianoj - el Svedio, Danio, Norvegio, Zimbabvo, Japanio kaj Ĉinio. Ĉiusemajne oni studas E-on 20 lecionojn en-klase kaj 4 lecionojn en la lingvolaboratorio. La instruado estas tute en E-o. [...]
En decembro la Sveda Televido 2 vizitis nian fakon kaj faris programon pri la studado kaj la kursanoj. Poste oni montris la programon en "*Ĉirkaŭ la lando*" kaj homoj el la plej norda parto de Svedio ĝis Kopenhago en Danio sude skribis al ni. La intereso por E-o kaj niaj kursoj grandiĝas pli kaj pli, certe multe danke al la 5 programoj pri E-o en la Sveda Edukradio, senditaj plurfoje en diversaj televidaj kanaloj. [...]

Studantoj el Norvegio, Danio, Finnlando kaj Islando rajtas ricevi monapogon por la E-studoj ĉe ni, kio kovras grandan parton de la kostoj. Bonvolu kontaktiĝi kun: *Nordens Folkliga Akademi Box120 24, SE-402 41 Göteborg, Svedio. Telefono: 031- 69 56 00, fakso: 031- 69 09 50.*

E-istoj en Svedio aĉetis kursejon en Lesjöfors, 85 km norde de Karlskoga. Ĝi samtempe estas migrula hejmo por la Sveda Turista Asocio. Jam en majo 1997 la Sveda E-Federacio saĝe lokis sian kongreson en Lesjöfors, kio bone helpis internacie konatigi la kursejon kaj en junio ni tie okazigis la unuan someran kurson kunlabore kun Karlskoga Popola Altlernejo, kiu inter la jaroj 1987-1996 aranĝis la somerajn kursojn. En propra kursejo oni povas konsiderinde redukti la kostojn kaj gejunuloj povas eĉ tendumi aŭ amasloĝi. 44 studantoj partoprenis en la internacia trinivela kurso. [...]
En septembro la Sveda E-Instituto lokis sian tradician seminarion en Lesjöfors. Venis 87 personoj el 12 landoj [...] Kaj por 1998 atendas krom novaj kongresoj, someraj kursoj, renkontiĝoj ankaŭ KEF - Kultura E-Festivalo 10-16 aŭgusto. [...]
En Svedio la unua gimnazio kun E-instruado fariĝis Huskvarna kaj en Helsingborg jam studas dudeko da gelernantoj, kiuj venontjare rajtos havi E-on kiel oficialan studfakon. Multe da gejunuloj aliĝas al la kursoj en Karlskoga, danke al la Edukradiaj programoj. [...]
La venontaj kursoj:
**Trinivela somera kurso en Lesjöfors, ankaŭ kurso por infanoj: 8-20/6.1998**
**16-semajna kurso en Karlskoga Popola Altlernejo: 31/8 -18/12.1998**

Laŭ informoj de *Lars Forsman*
*Karlskoga Popola Altlernejo, SE-691 24 Karlskoga. Tel. +586-646 14, 646 00*
*E-domo, Lesjöfors, SE-680 96 Lesjöfors. Tel. +590-309 09*

## Svislando

**Programoj de KCE en La Chaux-de-Fonds**
14-19.07: Enkonduko al jogo (Fernando Vurpillot)
21-26.07: Interkultura komunikado (Sabira Stahlberg)
28-30.07: Survoje al UK: turisma kaj lingvo(re)lerna programo
09-10.08: 1-a Forumo por la Esperanta Civito
12-18.08: PIK – Plurnivela Internacia Kursaro (Instruas: Claude Gacond, Giorgio Silfer, Sabira Stahlberg, Ágnes Verrasztó)
Adreso: *Postiers 27 – CP 311 – CH-2301 La Chaux-de-Fonds (Svislando) – Tel/fakso: (41) 32-9267407*

## Intervjuo de Perla Martinelli kun István Szerdahelyi (1982)

En la jaro 1993a, en la 11a n-o de *Songazeto** aperis intervjuo de Perla Martinelli kun István Szerdahelyi (pr. istva:n serdahe-ji , kun *(j)i* en aparta silabo). Mi, Blazio Vaha, ĝin aŭskultante, notis la kompletan tekston. La ripetojn kaj manketojn, kiuj karakterizas spontanean parolon, mi reproduktis ankaŭ skribe, por eviti hazardan sencomodifadon. Krome, mi notos kelkloke proksimuman prononcon de nomo.

Jen la demandoj de Perla Martinelli kaj la respondoj de István Szerdahelyi.

*Perla Martinelli (post fragmento el muziko de Beethoven):*

La violonkonĉerto de Beethoven estis la komponaĵo preferata de István Szerdahelyi, kiu forpasis en Budapeŝto, la 21an de aŭgusto 1987a. Memori pri István Szerdahelyi signifas, unuavice, mencii epizodon, kiu plej famigis lin: la konflikto kun la Akademio de Esperanto, pri la kategorieco de la radikoj.

*István Szerdahelyi:*

Kiam mi komencis instrui Esperanton en la universitato, memkompreneble mi devis uzi tiujn fontojn, pri kiuj mi disponis en tiu tempo, do la ekzistantajn jam, fariĝantajn jam klasikaj, fontojn de la priskribo de Esperanto. Kaj mi devis rimarki ke miaj studentoj, kvankam estis lingvistoj, almenaŭ *prepariĝantaj* lingvistoj, ege malfacile komprenis la tre komplikan klarigon, prezenton de la Esperanta morfemiko, precipe de la vortfarado kaj derivado: kaj tiam mi devis cerbumi kaj pripensi, ĉu oni nepre devas uzi tiun priskribon, ĉu ne eblas simpligi la prezenton de la Esperantaj morfemoj kaj ĝenerale per tio plisimpligi la priskribon de Esperanto.

Mi neniam asertis kaj mi eĉ nun ne asertas ke estas la fina solvo kaj la plej bona solvo, mi nur diras, kion mi ofte diris, ke oni *devas klopodi pensi, ni rajtas dubi,* ni rajtas *demandosigni,* kaj ni devas ĉiam serĉi *pli bonajn vojojn* ol kiujn ni havis ĝis hodiaŭ. Do tio estas mia deira punkto, kaj jam de dek jaroj (mi) uzas tiun priskribon, kaj ĝis nun tute kontentige funkcias.

*Perla Martinelli:*

Kiam mi intervjuis lin, en 1982a, la E-fako en la Budapeŝta universitato atingis la l6an jaron. Kiel Szerdahelyi juĝis tiun longan aktivecon?

*István Szerdahelyi*:

Mi estis *unu* el tiuj, kiuj faris ion, por ke Esperanto estu universitata fako. Mi nepre devas rememori ĉi tie pri du elstaraj homoj, al kiuj mi multe ŝuldas, nome al mia karmemora, jam mortinta Koós Antal (pr. ko:.ŝ), kiu estis siatempe la ĉefsekretario de la Hungara Esperanto-Asocio, kaj al akademiano Bárczi (pr. ba:rci), kiu finfine donis sian fortan fakan apogon al la ministerio, kiu akceptis min, Bárczi estante tiutempe la plej alta aŭtoritatulo en tiuj fakoj.

Nun – ĉu estas diferencoj? Tutcerte, dek-ses jaroj forpasis ne sen evoluo. Ja mi povas diri, ke hodiaŭ la E-instruado en la universitato aspektas tute alie ol ĝi estis antaŭ dekses jaroj. La tendenco estas, ke ni ĉiam pli kaj pli enkadriĝas en la kadrojn de la ĝenerala kaj aplikata lingvistiko. Do tio signifas, ke ne sufiĉas okupiĝi nur pri Esperanto, nur pri la praktiko de Esperanto, ni devas doni al tiu iom surfaca instruado pli profundajn, teoriajn bazojn, kaj ĝuste tial ni devas okupiĝi pli larĝe pri diversaj interlingvistikaj problemoj.
Sed ĉion ĉi en proporcio kun tiu konmaterialo, kiun ni devas doni pri la diversaj aspektoj de Esperantologio, estu ĝi literaturo, metodiko, historio, lingvistiko kaj tiel plu. Do, responde al via demando, mi povas diri ke ni tre multe evoluis dum dekses jaroj, sed la sola manko, se mi dirus, sed mi eĉ ne diros, nia sola *deziro* estas, ke ni ne restu longtempe solaj en universitato, ke aperu ankaŭ en alia universitato, ie, samtipa fakigita instruado, ĉar ĝis kiam ni estas solaj, mi konfesas, ni devas ĉiam iomete timi.

*Perla Martinelli*:

Malpli konata, sed ne malpli grava estis la kontribuo de István Szerdahelyi sur la literaturscienca kampo.

*István Szerdahelyi*:

Mi instruas literaturon, ĉar mi devas ĝin instrui, ĉar estas unu el la studobjektoj de la studentoj, kiuj ĝin devas studi. Kaj, ĉar ni ne havas literaturiston, malgraŭ tio ke mi ne konsideras min literaturisto, mi devas instrui ĝin. Mi jam faris malgrandan reformeton, de la programo de la literaturo, nome mi inversis la horkvanton de seminarioj kaj prelegaj horoj de la literaturo. Laŭ la programo du horoj estis prelego kaj nur unu seminario, nun mi faras inverse - nur unu horon prelegas, kaj du horojn ni okupiĝas – ne mi, sed la studentoj okupiĝas - pri la literaturo, dum la seminarioj, – estas tiuj horoj, kiam la studentoj faras siajn seminariajn laboraĵojn pri iu verkisto aŭ iu verko. Do ili laboras kaj mi nur recenzas ilian laboron.

Mi devas diri ke, kiel mi jam menciis en lingvistiko, des malpli en literaturo mi havis universitatnivelajn fontojn. Do ni estis devigataj mem studi la literaturajn verkojn, kaj mem formi opinion pri tiuj verkoj – uzante ankaŭ la jam aperintajn ege-ege malmultnombrajn, ne ĉiam sufiĉe altnivelajn eseojn, kritikajn analizojn kiuj troviĝas disipite en diversaj fontoj.

Mi ĉiam konsideris – ĝuste ĉar mi ne estas literaturisto – la literaturajn verkojn el lingvistika vidpunkto, kaj mi aprecas ĉiam tiun verkiston, kies lingvaĵo por ni donas analizan materialon por ekkoni la Esperant-lingvan situacion de diversaj epokoj. Ĝuste tial - kaj vi demandis laste la Krestomatiojn - la tri volumoj enhavas nur la unuan periodon, do el tio vi povas rimarki, ke ni okupiĝas pri homoj absolute jam forgesitaj, kaj verŝajne el literatura vidpunkto ne tro signifaj – sed despli signifaj por ni el lingvistika vidpunkto ĉar ili ĝuste montras la staton de Esperanto antaŭ la unua mondmilito, ĉe la komencoj. Ne konante la komencan staton de Esperanto, de la lingvo mem, ni ne povas konstati la evoluon inter la komenco kaj la nuna sinkrona stato.

** Flanke de LF-koop Perla Martinelli helpeme permesis publikigon de la intervjuo kiu – ĝuste pro ŝiaj tre trafaj demandoj kaj celkonscie klaraj respondoj de la intervjuato – fariĝis valora dokumento de la historio de Esperanto en Hungario. Mi kore dankas ŝin pro la komplezo.*

*Blazio Vaha*

## Wolfram Diestel: Estus tempo ...

ekuzi novan lernmetodon por Esperanto. Mi tie ĉi ne volas pledi kontraŭ rekta metodo, kiu havas sian lokon en internaciaj aranĝoj, ebliganta paroli la lernatan lingvon ekde la komenco.

Tamen, tre multaj homoj lernas Esperanton izolite hejme meminstrue, ĉu per KEK aŭ iuj aĉetitaj lernolibroj laŭ konvenciaj lernmetodoj. La malavantaĝoj de tiuj metodoj estas:
1. La lernantoj uzas sufiĉe multan tempon por lernado, fakte oni bezonas sufiĉe grandan scivolemon aŭ entuziasmon por ĉiam denove utiligi sian libertempon por lernado. Multaj lernantoj rezignacias post tri, kvar lecionoj.
2. La lernantoj ja ricevas bonan scion de legado kaj skribado, sed neniun scion de parolado kaj aŭskultado.
3. La plej multaj kursoj baziĝas sur lernado de unuopaj vortoj kaj teoriumas pri gramatiko. Sed tio ne garantias, ke la lernanto poste sukcesos kunmeti tiujn sciaĵojn al ĝustaj frazoj.

4. Oni uzas dum la lernado nur la konscion, ne la subkonscion. Tamen por paroli kvazaŭ aŭtomate laŭ ĝustaj frazoj oni bezonas ankaŭ subkonscian lernadon, kiun la lernantoj povus ricevi nur poste en internaciaj aranĝoj.

Unu sekvo de la punktoj 3 kaj 4 ekzemple estas la malfacilaĵoj pri akuzativo kaj pri nacilingvismoj, kiujn speciale memlernantoj ofte frontas.

Por mildigi la suprajn malavantaĝojn mi volas proponi al futuraj kreantoj de kursoj la aplikadôn de la Birkenbihl-metodo. Ĝi estas ellaborita de Vera F. Birkenbihl kaj priskribita en la libreto: *V. F. Birkenbihl: Sprachenlernen leicht gemacht!, mvg 1996, 7a eldono.*
Verŝajne ekzistas ankaŭ anglalingva eldono, kies titolon mi ne scias, sed serĉu laŭ la nomo de la aŭtorino.

**Mi volas resumi tie ĉi la plej gravajn ideojn pri la metodo.**

La lernado de la materialo baziĝas sur kvar paŝoj. Oni bezonas iujn mono- aŭ dialogojn, kiuj ja plej ofte jam estas en la konvenciaj lernolibroj. Tamen tiuj dialogoj estu registritaj sur sonkasedoj a.s. parolite de bonaj parolantoj.

1. En la unua paŝo oni devas prepari laŭvortan tradukon de la teksto en la gepatra lingvo de la lernanto. Se la lernanto jam havas iom da kono pri la lernota lingvo, li mem povus fari tiun tradukon, sed plej bone ĝi jam estu farita de la kurskreinto.

La problemo de konvenciaj tradukoj estas, ke ili estas laŭ "bona lingvo". Sed la lernanto ja ne volas lerni sian gepatran lingvon, sed la lernotan. Kaj ties esprimmanieron kaj strukturon li pli bone komprenas, se li havas laŭvortan, eĉ se iom absurdan, tradukon. Ke tiu penso estas ĝusta, vi povas kontroli per homoj lernintaj laŭ konvencia metodo. Ili komence ĉiam parolas en la fremda lingvo per la esprimiloj de sia gepatra – do tre strange! La laŭvortan tradukon oni bezonas en la dua paŝo.

2. La dua paŝo estas la unua aktiva lernopaŝo. Nun la lernanto aŭskultas la tekston dum li samtempe legas la laŭvortan tradukon. Komence li post ĉiu frazo povas paŭzi kaj provi vere kompreni la aŭskultitan kaj provi bilde imagi la okazaĵojn aŭ informojn. Li ripetas la aŭskultadon tiom longe ĝis li komprenas ĉiun vorton kaj frazon sen paŭzi inter la frazoj kaj havas klaran imagon pri la aŭskultita teksto.

La problemo de aŭskultado normale estas, ke oni komence ne komprenas multe

kaj la ne-komprenitan simple ignoras – aŭ pensas tiom longe pri ĝi, ke oni ne aŭdas la sekvajn dirajojn. La laŭvorta traduko helpas, ke la kompreno estas sinkrona kun la aŭskultado kaj ke la lernanto de la komenco ĉion tuj bone komprenas kaj bone povas imagi. La bilda imago pri ĉio estas grava, por ke la cerbo poste povus rememori la aferojn. Ĉar en situacio, kiam vi bezonas iujn esprimojn vi per la bildoj povas retrovi adekvatan situacion el la kurso. Nia cerbo multe pli bone memoras pri bildoj ol pri abstraktaj aferoj - kiel ekz. legitaj vortoj.

3. La tria paŝo estas pasiva lernopaŝo. T. e. ĝi ne konsumas vian tempon, sed tamen faras konsiderindan parton de la lernlaboro. Por tio vi bezonas la tekston sur sonbendo - prefere plurfoje sinsekve sur mallonga bendo. Vi metas la bendon en la aparaton kaj ne aŭskultas ĝin dum vi faras aliajn aferojn, ekz. legi libron, labori ĉe via komputilo, veturi en trajno ktp. Jes vi legis ĝuste, vi *ne* aŭskultas. Tio estas, vi ne atentas la aŭskultaĵon sed koncentriĝas pri via laboro aŭ faraĵo. Tiel vi a) ne malŝparas tempon dum la lernado, sed b) - pli grave – nun vi lernas ne konscie, sed subkonscie. Via subkonscio estas pli taŭga por registri la prononcon, esprimojn ktp. Se vi sufiĉe longe faras tion, sume eble 2 aŭ 3 horojn por unu teksto, vi iam, foje baldaŭ, foje post kelkaj tagoj, konstatos, ke vi preskaŭ parkerigis la tekston. Kondiĉo estas, ke en la dua paŝo vi vere komprenis ĉiujn detalojn, alikaze via subkonscio ignoras tiujn partojn, por kiuj vi ne havas imagon.

4. La kvara paŝo estas denove aktiva. Oni parolas la lernitan tekston, lernas partojn, kiujn oni ankoraŭ ne scias parkere aŭ ne tute komprenis, lernas kiel skribi la vortojn (en Esperanto verŝajne ne tre malfacila, sed en la angla jes). Kaj faras la kutimajn skribajn aŭ buŝajn ekzercojn; kompletigas la tekston, en kiu oni antaŭe forlasis kelkaj vortojn; variigas la verbojn, subjektojn kaj objektojn, adjektivojn en la frazoj ktp.

**Por ĉion resumi:**

i. Laŭ tiu metodo oni lernas ne izolitajn vortojn kaj gramatikaĵojn, sed la kompletan materialon el la kurso - oni parkerigas ĝin, sen tro granda lernostreĉo - vere. Poste oni povas esprimi ĉion, kion la personoj en la kurso povas esprimi, kaj kompreneble eĉ pli da per variado de la materialo. Multajn esprimojn oni lernis ankaŭ tiel, ke oni kvazaŭ aŭtomate memoras aŭ eĉ elparolas ilin en adekvataj situacioj.

ii. Oni ne lernas gramatikajn regulojn, kiel: "la akuzativon oni signas per -n".

Kion oni ja povas noti, sed ne scias kiel apliki. Sed la lernanto simple uzas la akuzativon, kiel en la kursmaterialo, sen devi scii, kio estas akuzativo, kiel trovi la rektan objekton en frazo kaj ne faros la kutimajn erarojn, kiel "Mi plaĉis la zoologia ĝardenon. Tie estis multajn bestojn. Unu mordis mi." Tiuj estas la sekvo de lernado de abstrakta gramatika regulo.
Oni tamen ne povos malhelpi, ke lernanto spertu subitajn iluminiĝojn pri kelkaj gramatikaj aferoj, sed mem trovitaj reguloj pli forte memoriĝas ol instruitaj. Vi ja konas tion pri admonoj de viaj gepatroj - kion oni ne mem spertis...

iii. Oni ŝparas tempon, ĉar granda parto de la lernlaboro estas farata dum la kutimaj tagokupoj. Vi ankaŭ ne lernas lekcion post lekcio, sed dum vi lernas lekcion 2 kaj 3 pasive vi jam povas aktive eklerni 4 kaj 5, eble laŭvorte traduki la 6an kaj 7an, se ne jam estas farite. Kaj la materialon de la unua vi postlaboras per diversaj ekzercoj.

Verŝajne la koncizaj supraj diraĵoj ne konvinkos vin, mi ne havas tie ĉi lokon por klarigi ĉiun argumenton kaj detalon. Prefere vi mem legu la libron de Birkenbihl. Tamen la metodo funkcias kaj sufiĉe bone. Vi povus kontroli tion per mem-eksperimentoj. Bone, tiu metodo ne kaŭzos miraklojn, sed estas tamen multe pli efika ol la iom modifitaj metodoj el la antaŭa jarcento, kiam ne ekzistis sonbendoj ktp.

Nu, mi volas instigi futurajn kreantojn de kursoj, utiligi tiun metodon.

La necesaj farajoj estas: Kolekti taŭgajn tekstojn: dialogojn kaj informojn. Prefere ne laŭ evoluiĝanta rakonto, sed laŭ temoj variantaj de lekcio al lekcio. Ekzemple pri temoj kiel: Internacia lingvo, Internaciaj aranĝoj, Zamenhof, Bona Espero, Plurlingva edukado, Lingvoproblemo k.a. oni unue prezentus informan tekston, poste iun disputon pri la temo inter kelkaj personoj kaj iun trian tekston rilatantan al la temo.

Tiuj tekstoj enhavu plej multajn el la ofte bezonataj frazo-skemoj. Eble por tio oni devas registri kelkajn dialogojn kaj parolaĵojn dum internaciaj renkontiĝoj kaj eltiri la precipajn esprimojn. La temoj kaj disputoj estu sufiĉe variaj kaj interesaj. Post preparo de la teksta materialo oni devos registri ĉion sur sonbendoj aŭ eble ankaŭ en komputilaj sondosieroj - sed mi ne scias, ĉu eblas facile (t.e. sen memfarita kablo) meti sondosieron sur sonbendon - poste la lernanto ja havu la eblecon prepari por si mem senĉese ripetiĝantajn sonregistrojn.

Fine oni devas prepari laŭvortajn tradukojn al la naciaj lingvoj de la lernontoj.

Certe oni povas iel utiligi tekstojn jam ekzistantajn ie en kursoj, gazetoj ktp.

Ĝojus mi pri komentoj kaj diskuto pri la temo - kaj kompreneble pri estiĝo de taŭga lernmaterialo laŭ la supraj ideoj.

Wolfram Diestel <diestel@rzaix340.rz.uni-leipzig.de>
aŭ al <diestel@aix520.informatik.uni-leipzig.de>
pri EJS legu http://www.uni-leipzig.de/esperanto/

## NI KONDOLENCAS

### ♰ Nora Moerbeek, 21.8.1930 - 17.3.1998.



Forpasis en Beverwijk, Nederlando, Nora Moerbeek-Bartels, 67-jara, post grava, suferiga malsano. Ŝi dum multaj jaroj estis aktiva esperantistino, nacie kaj internacie, kiu, malgraŭ sia blindeco, faris multege da laboro por pluraj E-organizoj.

Ŝi multfoje instruis Esperanton en sia hejmo. Ŝi estis elstara membro de ILEI kaj de la nederlanda sekcio, en kiu ŝi dum multaj jaroj plenigis estraran funkcion. Ŝi estis fidela partoprenanto de konferencoj de ILEI kaj de kongresoj de LIBE, Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj, kies sekretario ŝi estis ĝis sia morto.

Ŝia laboro por la E-movado, tiel nacia kiel internacia, tiel famiĝis, ke ŝi ricevis la reĝan distingon "Kavaliro en la Ordeno de Oranje-Nassau".

Nora ne havis facilan vivon. Pro sia handikapo ŝi devis venki multajn problemojn. Por kunvenoj kaj kongresoj ŝi ĉiam bezonis brajligitajn dokumentojn aŭ sonkasedojn. Plurfoje ŝi konstatis, ke vidantaj homoj ne konscias kion signifas esti blinda. Des pli laŭdinde estas, ke ŝi tradukis la verkon "Sur kampo granita" de István Nemere en la Nederlandan. La libro kuŝas en multaj librovendejoj en Nederlando. Ŝi verkis ankaŭ kompletan eldonon de "La Taglibro de Anne Frank", surbaze de ĉiuj ekzistantaj dokumentoj.

Ŝi estis sincera adepto de Zamenhof, kiel eble plej praktikis la "interna ideo"-n kaj vivis tute por Esperanto. Ni memoros ŝin kun estimo.

Laŭ sia deziro ŝi disponigis sian korpon al la scienco. La 22-an de marto kuniĝis multaj dekoj da Esperantistoj en ŝia hejmo por rememori ŝin.

Ŝia animo ripozu en paco.



## ✝ Petro Rulofido [d-ro W.P.Roelofs], 1.6.1910 - 11.3.1998.

Forpasis en Soest, Nederlando, post fatala falego en sia domo kaj kuraĝaj klopodoj resaniĝi, Petro Rulofido, en la aĝo de 87 jaroj. Li apartenis al la plej elstaraj nederlandaj esperantistoj. Li funde studis la lingvon kaj li funkciis kiel lingva korektanto de Fen-X, la membrogazeto de Esperanto Nederland. Li kunlaboris ankaŭ kun aliaj revuoj, i.a. IPR.
Li estis speciala homo, ĉiam serĉante la perfektecon. Kiel junulo li studis kemion,esperante trovi rimedon por nutri la homaron sen damaĝaj intervenoj en la naturo. Li havis grandan intereson pri soci-ekonomiaj problemoj. Li opiniis, ke mono estas interŝanĝilo kaj ne kolektilo. Karakteriza estis lia ideo pri negativa rento, kiel puno por tiuj, kiuj volas riĉiĝi per mono. Li heredis la intereson por Esperanto de sia patro, sed la intereso fariĝis vera amo. Li vidis Esperanton kiel solvon por la disiga influo de lingvoj, kiel valoran kontribuon al mondpaco.
Petro Rulofido forlasis nin. Dekoj da esperantistoj ĉeestis lian funebran ceremonion. Sed li pluvivos en nia memoro.

*Hans ten Hagen*

**RECENZO**

# Havinda manlibro

*Leksikaj ekskursoj (unua volumo) - Chisttiane De Vleminck kaj Emile Van Damme, Flandra Esperanto-Ligo, 1997*

Jen laŭdinda kaj aŭdaca entrepreno. La libro ŝtopas grandan breĉon en nia lingvistika literaturo kaj faras tiun pioniran laboron kun tiom da faksperto kaj pedagogia rutino ke legante oni apenaŭ povas ĝin flanken meti.
Ni havas relative multajn bonajn verkojn pri la gramatika strukturo de Esperanto, sed la leksika flanko, kiu cetere estas tre grava, organika parto de la lingvoscio, havas ĝis nun preteran atenton. Finfine, aperas verko (ĝi konsistos el tri volumoj) kiu metas en la centron de la studoj la leksikon, laŭŝajne sekan materialon, tamen, sekvante la instrukciojn de la aŭtoroj oni rimarkas ne nur la guston kaj aromon de la vortoj, esprimoj, parolturnoj kaj proverboj, sed oni povas ilin samtempe memorfiksi. La ekzemploj kaj ekzercoj aktivigas plurajn centojn da vortoj, kiujn ni pasive duonposedas, tamen, parolante ni zorge evitas ilin timante miskomprenon, ĉar ni konscias ie, en la fundo de la koro, ke ni pli konjektas ol

scias la signifo(j)n de certaj vortoj, malofte bezonataj en ordinaraj konversacioj. Ne opiniu ke la libro volas plenŝtopi vian kapon per fakvortoj necesaj nur por specialistoj. Tute ne, ĝi liveras sukajn esprimojn, kiujn ĉiu el ni bezonas por sin esprimi ekzakte, bonstile kaj trafe.

Por ilustri miajn vortojn prenu en konsideron, ĉu ĉiu el ni povas klare distingi inter la sinonimoj *fablo, fabelo, alegorio, mito, legendo, parabolo*? Ne multaj el ni disponas pri tiom da nuancoj, kiom estas kolektitaj por *tempo*. Oni povas *akapari, bezoni, disipi, disponi, domaĝi, fordistri, forrabi, formeti, konsumi, okupi, perdi, postuli, prokrasti, ŝpari, uzi (utile/ malutile)* tempon. Aparte kaptis mian atenton la familioj de grekaj vortoj, afiksoj kiujn enhavas multaj internacie uzataj formoj, sekve ili apartenas ankaŭ al nia vorttrezoro. Pensu pri kunmetaĵoj kun *krono, kosmo, skopo, tele*.

La libro havas nur du-tri preserarojn, ĉe la unua atenta tralego mi povis malakcepti nur unu epiteton en la lasta ĉapitro. Tie mi trovis la esprimon *"forta* sano". Sano povas esti nur "*fortika*", t.e. rezistema, ne facile detruebla. Iu, io, kio estas "forta", kapablas superi aŭ venki aliajn, ĉu ne? "*Forta*" substrekas aktivan kapablon, dum "*fortika*" emfazas la pasivan rezistokapablon de iu aŭ io.

Mi rekomendas al ĉiu akiri tiun ĉi valoran helpilon kaj esperas baldaŭ havi la duan kaj trian volumojn. Mi anticipe dankas pro ili al la aŭtoroj.

*Géza Kurucz (Hungario)*




## TTT-paĝaro pri lernejoj

Konsiderante la ĉiam pli oftan peton fare de instruistoj – aŭ de esperantistoj, kiuj iel kunlaboras kun lernejoj, – pri adresoj de aliaj lernejoj, kie oni instruas E-on, aŭ kiuj pretus partopreni en plurlandaj komunaj edukprojektoj, kie E-o havus ian rolon, mi pretigas TTT-paĝaron pri lernejoj kaj universitatoj, kiuj havas ian ajn rilaton al la internacia lingvo.

La paĝoj nomiĝas simple "*Esperanto en lernejoj*" kaj "*Esperanto en universitatoj*"

Ili aperos kiel publikigo de la arkivoj de ILEI, kaj gastos en la TTT-ejo de nia Pedagogia Eksperimentejo (Tria Roma Universitato).

Mi jam faris teknikajn provojn por reverŝi la datumarojn sur la Interreton.

Tial mi alvokas ĉiujn, kiuj havas informojn pri ĉiaj edukejoj, kie veras almenaŭ unu el la jenaj kondiĉoj:

- oni instruas E-on regule, aŭ eksperimente, aŭ libervole, ktp.
- oni iam prelegas pri E-o kaj interlingva problemaro
- tie deĵoras E-parolantoj

- ial la instruistaro konigis sian intereson partopreni je internaciaj edukprojektoj surbaze aŭ helpe de E-o, ke ili havigu al mi tiujn informojn, por ke mi povu nutri la tabelojn.

Konkrete – pri ĉiu koncernata lernejo – sufiĉas plenigi slipon jene:
- lando, regiono, urbo
- nomo kaj adreso de la lernejo
- lerneja tipo (baza, meza, supera, ktp.)
- agadoj pri esperanto (kursoj, prelegoj, edukprojektoj, ktp.)
- kontaktulo

Memkompreneble, en TTT ne aperos plata adres-listo, sed tabeloj kun indikoj pri la rilato-speco de tiu lernejo al E-o.

Do ne necesas plu-insisti pri la utileco de tia datumaro, kiu estos daŭre aktualigata: kontribuu per viaj lokaj scioj!

*Mauro La Torre*
*Dipartimento di Scienze dell'Educazione, Terza Universita' di Roma*
*Via del Castro Pretorio, 20, IT-00185 ROMA*
*tel. 0039-6-4957805, faks. 0039-6-4452642*

# ILEI-seminario en Grésillon, 20-31.07.1998

La unua semajno de la seminario, kiun gvidos *Prof. Duncan Charters* kunlabore kun la cetera programo de la Kulturdomo, celos doni unuavice teorian bazon por diversaj efikaj aliroj al aktiva komunika instruado de la lingvo. La partoprenantoj ricevos novajn instrumaterialojn pri la teorio kaj praktiko de la metodoj uzataj. Tiujn oni praktike demonstros per videaj materialoj kaj ĉiutagaj modelaj lecionoj por ĉeestantaj bazlernantoj de la lingvo, en kies trejnado povos partopreni la seminarianoj.

La dua semajno (al kiu jam spertaj instruantoj de la lingvo povos aliĝi aparte sen la antaŭa) konstruos sur tiu bazo per la diskuto de praktikaj detaloj rilate la enkondukon de E-o en lernejoprogramon, efika elekto kaj uzo de lernomaterialoj, lecionplanado, kreo de praktikaj ekzercoj kaj aŭskultokompreno, parolado, legado kaj skribado, akiro de gramatiko kaj interkultura kompreno.

Ni ĝojas, ke aliĝis al tiu dua semajno kiel kungvidanto *d-rino Katalin Smidéliusz.*

La aliĝilon oni povas peti rekte de:
*Kultura Esperanto-Domo Grésillon*
*FR-49150 Baugé, Francio, telefono: +33 2 41 89 10 34*

**Atentu! La Seminario okazos en julio kaj ne en aŭgusto, kiel ni misskribis en IPR 98/1 sur paĝo unu. Pardonu pro la eraro! – NdlR**

# 32-a ILEI-Konferenco en Montpellier (08-14/08/98)

**Konferencejo**: Ni konferencos en katolika gastejo: Centro Saint Guilhem (4 Abbe Montels). Ĝi situas en la urbocentro mem de Montpellier kaj la konferencanoj estos bonvenaj tie la 8-an de aŭgusto jam en la posttagmezo.

**Programo**: La programo estos sufiĉe bunta kaj ĉi-jare ni kalkulos je kvalita prelegantaro el 3 diversaj kontinentoj: Duncan CHARTERS kaj Mireille GROSJEAN pritraktos la konferencan temon "*Lingvoinstruado, ponto al la mondo*"; prelegos ankaŭ Jennifer BISHOP (Problemoj kaj proponoj por la instruado de Esperanto), François Xavier GILBERT (Koresponda Servo Mondskala), Ronald GLOSSOP (Preter naciismo al tergloba komunumo), Hans ten HAGEN (La ekzamena sistemo de ILEI/UEA), Ilona KOUTNY (Uzo de vortaroj dum instruado), Carla de LORENZI (la Freinet-metodo) Gilena TILLEUX-CRAENHALS (Socia kaj psikologia evoluo de la rilatoj inter gelernantoj kaj geinstruistoj en la fino de la 20-a jarcento; Gilena gvidos ankaŭ sesiojn de kunagadaj ludoj ĉiutage antaŭ la vespermanĝo), kaj promesis kontribuojn ankaŭ Marija BELOŜEVIĈ, Atilio ORELLANA ROJAS kaj Kjell ULLESTAD.
Kadre de la Konferenco okazos C-Seminario pri Cseh-metodo. La interesitoj pri ĝi povas sin turni por pliaj informoj rekte al Internacia Esperanto-Instituto (Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando).
Certe ni havos niajn kutimajn komitatajn kunsidojn kaj ili ĉi-jare estos speciale gravaj, ĉar ni devos elekti novan estraron por la sekva deĵorperiodo.

**Ekskursoj**: Estas planata komuna promenado piede en la urbocentro por konatiĝi kun la konferenca urbo kaj nin gvidos loka esperantisto.
Ni ne organizos ĉi-jare tuttagan ekskurson, pro la altaj kostoj de ĉiuj ekskursaj celoj proponataj al ni. Tamen ni lasos en la programo liberan tagon (mardo) kaj vi povos ekskursi ien ajn laŭ via deziro. Ni certe provizos informojn pri la diversaj vizitindaj lokoj en la ĉirkaŭaĵo.

**Aliĝintoj**: Ĝis nun estas aliĝintaj 40 personoj el 17 landoj, el 4 kontinentoj. Bv. memori, ke la lokoj en la konferencejo estas limigitaj, kaj se vi deziras loĝi tie dum la konferenca periodo, necesas baldaŭ mendi lokon, ĉar restas disponeblaj nur kelkaj ĉambroj. Memoru, ke la konferenca periodo koincidas kun feria tempo en Francio kaj estas malfacile trovi tranoktejon tiam. La manĝoj en la konferencejo devas esti menditaj plej malfrue ĝis la 31-a de majo (tagmanĝo NLG 19,00, vespermanĝo NLG 17,00).

*Mag. Atilio Orellana Rojas, estrarano*

**Instruistoj, geknaboj 13-17 jaraj, atentu!** Tuj post la 83-a UK, de la 8-a ĝis la 14-a de aŭgusto 1998, paralele kun la 32-a ILEI-Konferenco, en la ĉi-jara kongresurbo, Montpeliero de la franca riviero okazos

## la 5-a Internacia ILEI-Gimnazio.

ILEI atendas geknabojn en la aĝo de 13-17 jaroj el la tuta mondo por kune pasigi unu agrablan semajnon en harmonia, vere internacia etoso.
Partoprenantoj havos krom la tradiciajn (literaturo, geografio, muziko) nekutimajn lecionojn (ekologio, folkloro, komputiko kaj moderna vivmaniero). La instruistaron konsistigos spertohava internacia kolektivo.
Partoprenkotizo: 29 aŭ 24 NLG (iamaj socialismaj landoj de orienta Eŭropo, ĉiu lando de Azio [krom Israelo, Japanio kaj Korea Respubliko], Afriko kaj Latinameriko). Gimnazianoj ricevas 20 %-an rabaton el loĝ- kaj manĝokostoj.
Posttagmeze okazos ekskursoj, kulturprogramoj kaj sportludoj.
Aliĝu kiom eble baldaŭ ĉe la kasisto de ILEI:
*Bertil Andreasson, Södra Rörum pl 455, SE-242 94, Hörby, Svedio.*
(Aliĝante informu ankaŭ la gvidanton. Ŝia adreso: *Sabine Trenner, Ebertystr. 46. DE-10249 Berlin, Germanio.* Rete: *trine@berlin.snafv.de*).
**Ne preterlasu unikan okazon por lerni, ripozi kaj amuziĝi en amika rondo. Akiru neforgeseblajn travivaĵojn!**

## Kalendaro pri ekzamenoj en la dua duonjaro

*19-24 julio*: kadre de la 34-a Brazila E-Kongreso en la urbo Salvador okazos sesio por la elementa kaj meza niveloj. Pliaj informoj ĉe: Caixa Postal 945, BR-Salvador BA, 40001-970 Brazilo.
*01-08 aŭgusto*: kadre de la 83-a UK en Montpellier (FR). Sesio por la elementa kaj meza ekzamenoj. Pliaj informoj ĉe la IEK-sekretario, S-ro Hans ten Hagen.
*08-14 aŭgusto*: kadre de la 33-a ILEI-Konferenco en Montpellier. Sesio por la elementa kaj meza ekzamenoj. Pliaj informoj ĉe la IEK-sekretario.
*29 aŭgusto/05 septembro*: kadre de la 21-a Internacia Semajno en Séte (FR). Sesio por la elementa kaj meza ekzamenoj. Pliaj informoj ĉe: D-ro Yvette Vierne, 5 rue Docteur Roux, FR-34090 Montpellier, Francio.

## Postparole

Kiel vi vidis, IPR havas novan titolpaĝon. Ĝin faris por ni Ellen Dalen el Norvegio – senpage. Koran dankon al ŝi! Bedaŭrinde ni devis iom ŝanĝi la paĝon, aperigante kelkajn plusajn informojn. Ni atendas viajn opinion kaj eventualajn modifoproponojn. Kolektinte la proponojn mi petos ŝin fari la finan varianton de la paĝo.

*Jozefo Németh, redaktoro*

## SEKCIESTROJ DE ILEI

**Albanio**: Bardhyl Selimi, Rr. Maliq Muco, Pall. 50, ap. 3, Tirana
**Argentino**: Teresita Alaníz, Hipólito Yrigoyen 2578 P5 Dto 30, AR-1090 Capital Federal
**Aŭstralio**: Jennifer Bishop, 39 Hill Street, Hawthorn, Victoria 3122 🖳: *esperanto@education.monash.edu.au*
**Belgio**: Raymond Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende
**Brazilo**: Elvira Fontes, Rua Machado de Assis 243, ap. 11, BR-04106-010 Sao Paulo (SP)
**Britio**: Arnold Pitt, Yew Tree Cottage, Ivington Road, Leominster, Herefordshire HR6 8QD
**Ĉeĥio**: Jana Melichárková, CZ-696 02 Ratíškovice 938
**Ĉinio**: Zhang Danchen, General Foreign Languages Dept., 29-34 North Part, Huazhong Normal University, CN-430070 Wuhan 🖳: *zdchen@public.wh.hb.cn*
**Finnlando**: Raita Pyhälä, Jykyrintie 3, FI-69440 Lestijärvi, 🖳: *raita.pyhala@lesti.kpnet.fi*
**Francio**: Fernand Micoud, 8 rue des Maures, FR-69320 Feyzin
**Germanio**: Michael J. Scherm, Von Thürheimstr. 47, DE-89264 Weissenhorn
**Hungario**: József Németh, Kilián ltp. 75/9, HU-8500 Pápa 🖳: *nlalt@konyvtar.c3.hu*
**Italio**: Maŭro La Torre, Viale Bardanzellu 117, IT-00155 Roma 🖳: *m.latorre@uniroma3.it*
**Japanio**: Masumi Suzuki, Inokashira 3-5-12, Mitaka-shi, Tokio, 181 Japan
**Kroatio**: Ivan Bekavac-Basić, Kuŝlanova 59, HR-10000 Zagreb
**Kubo**: H. Jiminéz, Apartado 5120, CU-10500 Ciudad de la Habana
**Nederlando**: Hans ten Hagen, Middenweg 587, NL-1704 BH Heerhugowaard 🖳: *ten.hagen.esperanto@wxs.nl*
**Norvegio**: Björn Thuv, Aröyveien 33, NO-3135 Torod
**Rumanio**: Prof. Popa Florica, Str. Eroilor 29, ap.7. RO-1900 Timisoara
**Rusio**: Irina Gonĉarova, Moloeznaja 38-10, Odincovo 2, Mosk. obl. RU-143000 🖳: *ab2928@mastak.sitek.ru*
**Svedio**: Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-24294 Hörby
**Svislando**: François Randin, Str. Vallombreuse 14, CH-1004 Lausanne
**Usono**: Doroteo Holland, 5140 San Lorenzo Dr, Santa Barbara, CA 93111-2521 🖳: *72644.2450@compuserve.com*

## REPREZENTANTOJ DE ILEI

**Armenio**: Lida Elbakjan, Moldovakan 26/2, kv. 52, AM-375062 Erevan
**Aŭstrio**: Mag. Walter Klag, Rudolfinergasse 8/11, AT-1190 Wien 🖳: *klag.esperanto@online.edvg.co.at*
**Bosnio kaj Hercegovino**: Nimeta Kulenoviĉ, Branilaca grada 15/V, BIH-71000 Sarajevo
**Ĉilio**: Héctor Campos Grez, Casilla 231, Curicó, Séptima Región 🖳: *strigo@ochilepac.net*
**Danio**: Wolfgang Kirschstein, Hvedebjergvej 30, DK-8220 Brabrand 🖳: *WK@cci.dk*
**Estonio**: Helgi Hromova, Pk. 94, EE-3053 Keila
**Hispanio**: Pedro M. Martin Burutxaga, Ctra. Estació 2 A-5-2, ES-17300 Blanes(Katalunio) 🖳: *pmartin10@pie.xtec.es*
**Irano**: Hamzeh Ŝafii, P.O. kesto 13445-915, Teheran 🖳: *IREJO@neda.net*
**Islando**: Loftur Melberg, Skolabraut 1, IS-220 Hafnarfjördur
**Israelo**: Murĵan Josef, P.K. 1289, IL-61012 Tel-Aviv
**Jugoslavio**: Radojica Petrovic, Bul. Oslobodjenja 36, YU-32000 Cacak 🖳: *radp@emi.yu*
**Kongo**: Ngangu Nduantoni-Bakidila, B.P. 13, Lukala (Bas-Zaïre)
**Kostariko**: Hugo Mora Poltronieri, Apartado 4981, CR-1000 San José 🖳: *miaumiau@sol.racsa.co.cr*
**Koreio**: So Ĵin Su, Dept. de Ekonomiko, Universitato Kang-nam, Kugali Kihung-up, Yon-gin-gun, Kyonggi-do 499-900 🖳: *so@kns.kangnam.ac.kr*
**Litovio**: Algimantas Piliponis, Karolinisiu 3-93, LT-2044 Vilnius
**Nov-Zelando**: Gwenda Sutton, 12C Herbert Gardens, 186 The Terrace, Wellington 1. 🖳: *Sir_Lancelot@compuserve.com*
**Pollando**: Maria Majerczak, ul. Armii Krajowej 7m. 122, PL-30150 Krakow
**Portugalio**: João Jose Santos Rua da Escola, lote 57 - r/c esq Vale Grande PT-1675 Pontinha 🖳: *johanovero@mail.telepac.pt*
**Slovenio**: Marija Zlatnar-Moe, Miliĉinskega 66, SI-1000 Ljubljana 🖳: *Marija.Zlatnar@guest.arnes.si*
**Togolando**: Afantchao-B.Yao, B.P. 20225 Lome
**Ukrainio**: Svetlana Fedotova, P.O. Kesto 88, UA-253222 Kiev
**Uzbekistano**: Eugeno S. Perevertajlo, Ab. kesto 140, UZ-700000 Taŝkent, CIS 🖳: *eugeny@esper.gimli.com*
**Venezuelo**: Prof. J.E. Bachrich, Apartado 70782, Caracas 1071 A

## LABORKOMISIONOJ

**Didaktikaj ludoj:** Georges Sossois, rue du Basson 79, BE-6001 Marcinelle, Belgio; tel. (+32 71) 43 62 05

**Eksteraj rilatoj:** Raymond Wyllemann - Belgio (prezidanto), Marija Belošević - Kroatio, Marcel Delforge - Belgio, Ronald Glossop - Usono, Mireille Grosjean - Svislando, Francois Lo Jacomo - Francio, Bruno Masala - Francio

**Ekzamenoj:** prez.: Mag. Atilio Orellana Rojas (adreso, kovrilo 2). Sekretario de elementa kaj meza niveloj: Hans ten Hagen, (adreso, kovrilo 3)

**Elekto komisiono:** Agneta Emanuelsson - Svedio, Doroteo Holland - Usono, Gwenda Suttun - NovZelando

**Eŭropa Komunumo kaj informado en pedagogiaj medioj:** Raymond Wylleman

**Gazetara servo kaj informado:** *vakas sed pretas kunlabori:*
Germain Pirlot, Steenbakkerstr. 21, BE-8400 Oostende; tel. (+32 59) 70 87 00 kaj Walter Klag, Rudolfinergasse 8/11, AT-1190 Wien, Aŭstrio; tel. (+43 222) 36 86 29

**Konkursoj lernejaj:** Géza Kurucz, Nyíri u. 11, HU-6000 Kecskemét, Hungario

**Lerneja kontaktigo kaj statistikado:** Provizore plenumata pere de *Juna amiko*

**Statuto:** Rob Moerbeek kaj Hans ten Hagen

**Terminologio:** Maŭro La Torre, Viale Bardanzellu 117, IT-00155 Roma, Italio

## KUNLABORANTAJ INSTITUCIOJ

**IEI:** Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag

**UEA:** Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam

**UNESKO** (*en operaciaj rilatoj*): Place Fontenoy, FR-75007 Paris. Reprezentanto de ILEI: François Lo Jacomo, 21 rue Juliette Dodu, FR-75010 Paris

## MEMBRIĜO AL ILEI KAJ PAGADO POR ALIAJ SERVOJ

La membreco inkluzivas ricevon de kvar numeroj de IPR jare. Turnu vin al via landa sekcio, kiu fiksos kotizon en via propra valuto. Por pagi rekte al la internacia ILEI, skribu al la kasisto. **Kasisto de ILEI:** *Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-242 94 Hörby, Svedio; poŝtĝirkonto 682117-7 (Stokholmo).* Membrokotizoj en landoj kun sekcio: a) A-kategoriaj landoj (vidu UEA-dividon): 22 NLG al la sekcio aŭ 25 NLG rekte al ILEI. b) B-kategoriaj landoj: 20 NLG al la sekcio aŭ 22 NLG rekte al ILEI. c) En landoj sen sekcio: 20 NLG, pago al ILEI rekte. d) Simpla abono sen membreco (por E-societoj, bibliotekoj k.s.): 30 NLG. Pro altaj banko-kostoj, evitu bankĉekojn kaj eĉ internaciajn poŝtoĝirojn; taŭge plenumita Euroĉeko plej bonas. Alia pagmaniero estas al UEA: **UEA**, Nwe. Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, pĝk 37 89 64. UEA akceptas kredit-kartajn pagojn. Klare indiku la celon de la pago kaj la internan konton de ILEI: *ilek-a*. Prefere informu senpere la kasiston de ILEI pri la enpago.


## REDAKCIAJ INFORMOJ

**Respondeca eldonanto** (verantw. uitgever): R. Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende. **Redaktejo:** NÉMETH József, HU-8500 PÁPA, Kilián ltp. 75/9. **Retadresoj**: *nlalt@ konyvtar.c3.hu* (redaktoro), *smidik@rik.bdtf.hu* (vicredaktoro). Ni ambaŭ povas akcepti faksojn per komputilo, sed avertu nin telefone antaŭ ol vi faksas. **Telefon- kaj faksnumeroj**: +36-89 315-836 (red.) kaj +36-94 320313 (vicred.). **Presado:** Flandra Esperanto Ligo, Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen, ☎ +32-3-234 34 00

La nunan numeron mi sendis al la presejo la 14-an de aprilo, redaktofino por la sekva numero: la 21-a de aŭgusto 1998.